XV^a jaro. N° 226 (6) ⭑ Monata ⭑ Junio 1919

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . . . . . . 5.— Frankoj
Luksa eldono . . . . . . . . . . . . . . . 6.25 Frankoj
*Svisa poštĉeko III. 2600. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . . 0.50 Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.40 Frankoj
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 0.50 Frankoj
*Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo kaj Administrejo: Museumsstrasse 14, BERN (Svisio)

**TEKSTO.** — **Nuntempajoj:** *Kiel efektiviĝos la Societo de la Nacioj?* Ellen Key. — **Socia vivo:** *Ramakrišna kaj la Vedanta-Misio en Hindio kaj en la Okcidento.* D-ro Helmuth von Glasenapp. — *Kiam la Hindo estis skribata?* Paul Bennemann. — *La rekreado de la Juda nacio.* P. J. Cameron. — *La mekanikigo de la vivo.* H. Roorda v. E. — *Pri Louis Pasteur.* D-ro M. Blassberg. — **Literaturo:** *Peĉjo* (fragmentoj), Anatole France. — *Al la junaj artistoj.* Auguste Rodin. — *Adiaŭa saluto al insulo Marken.* Zanoni. — **Esperantismo:** *Novaj perspektivoj.* H. Hodler. — *Inter ni.* Edmond Privat. — *Kroniko.* — *Diversaĵoj.* — *Tra la gazetaro.* — *Tra la libraro.* — *Oficiala informilo de UEA.* — *Esperantista Parolejo.* — *Esperantista Vivo.* — *Lingvaj Studoj.*

## NUNTEMPAĴOJ

## KIEL EFEKTIVIĜOS LA SOCIETO DE LA NACIOJ?

Okaze de la Paska festo, la fama Sveda verkistino kaj feministino Ellen Key skribis la jenan artikolon pri la rolo de la virinoj rilate la estontan Societon de la Nacioj.

La militoj *inter* kaj *en* la popoloj devenas de la sama kaŭzo, kaj estos same daŭraj. Nur la patrinoj — kaj aliaj edukantoj de la infanoj — estas kapablaj venki la opinion, kiun naskas ĉi tiu kaŭzo. Estas la virseksa opinio, kiu supozas, ke la individuo, same kiel la popoloj, *devas* plenumi la lukton por la vivo per militiloj. Ni ĵus spertis, kiun malfeliĉon kaŭzis tiu ĉi eraro al la venkitoj kaj ankaŭ al la venkintoj. Pro tio la virina influo povas nun pli multe efiki ol antaŭe, se la virinoj interkonsentas agi kun plena uzo de siaj koraj kaj intelektaj kapabloj. Ĉi tiu agado devas esti tutmonda, kaj alcentriĝi en unu punkto: forigi la erariĝan opinion, ke la milito estas laŭleĝa formo de la lukto por la vivo. Tiu ĉi formo devas nun esti nepre malaprobata inter individuoj, inter klasoj kaj inter popoloj. La lukto por la vivo ja devas esti, sed en aliaj formoj. Por konservi la viran kuraĝon, ni ne plu bezonas la militan staton. Ni nun povas kaj devas kontraŭstari al ĉiu ajn batalo per armiloj, kiel al restajo de nia malbona rabobesta naturo. La kulto de la *pacreligio* — de la vera paco — kiun Romain Rolland prikantis en la himno „Ara Pacis", povas, post tiu ĉi tragedia epoko, havi nur unu formon, tiun de *edukado*. Sed edukado, kiu malakceptas ĉiujn brutajn rimedojn, precipe la korpan punadon, kiu vere estas preparo al la milita edukado. La edukado devas celi nur la koron aŭ la intelekton, la volon aŭ la konsciencon, eĉ en la punoj, kiuj devas havi nur unu celon: esti rimedo aplikata nur se ne estas eble, kontraŭbatali la malkorektajojn per starigo de la pozitivaj ecoj de l' infano kontraŭ ĝiaj negativaj ecoj. Sed edukado pera, senlaca kaj sekreta, klera kaj mistera, karesa kaj severa, individua kaj sociala, tia edukado povas esti plenumata nur de patrino (aŭ aliaj edukistoj), kiu sin tute dediĉas al ĉi tiu apostolado: la apostolado por la estonta homaro, aŭ alivorte por la estonta paco. Unue la patrinoj lernu ne plu malsindoneme vivi por si mem, por siaj familioj aŭ siaj landoj. Ili devas sin konsideri kaj esti konsiderataj kiel pastrinoj de la homaro. Ili devas esti konservataj por la noblega tasko, eduki la infanojn por esti homoj, anstataŭ kiel ĝis nun nur viroj kaj virinoj. Al tia edukado apartenas libervola obeo al la postulo de *reciproka helpo*, kaj malŝato de la lukto por la vivo plenumata per perforto, kaj atinganta sian plejsupron en la ekonomia konkuro kaj en la batalo per armiloj. Kiam la virinoj estos komencintaj tiun edukadon de la unua vivjaro de siaj infanoj, ili daŭrigu pligrandigi sian influon sur kaj per siaj propraj infanoj. Sed ankaŭ per tio, ke ili uzos koron kaj intelekton, fantazion kaj volon, por enkonduki tiun principon en rondojn pli kaj pli vastajn. Ne nur la infanĉambro, sed ankaŭ la komunuma kaj politika vivo devas esti profunde penetrita de la verajo, ke la lukto por la ekzisto estas pravigata nur, se ĝi ne limigas la rajton de aliuloj, kaj estas nobla nur kondiĉe, ke la unuopulo, kiel ankaŭ la popolo, plenumu la postulon de reciproka helpo. Sole per homoj tiamaniere edukitaj povas *realiĝi* la Societo de la popoloj, ĉar alie ĝi estus nur paperĉifaĵo.

Ĉe ĉiuj popoloj la milito preparis la grundon por la interpopola ligo. Sed la semo ankoraŭ ne estas metita en la sulkojn. Tiu ĉi semado povas esti farata nur de virinoj en la vastaj kampoj de la virga tero, nome la *animoj de la infanoj*. La estonto de la Societo de la nacioj dependas de la semo, kiun la virinoj semos en tiun teron. Ĝis nun la plej multaj virinoj semis nur la nacian patriotismon kaj la suspekton aŭ malamon al la najbaroj. Nur kondiĉe, ke la mondmilito fundamente aliigu la virinojn, la Societo de la nacioj povas fariĝi vivanta realajo, anstataŭ nura vorto!

Pri tiu granda ideo oni bedaŭrinde povas nuntempe nur

kanti la kanton, per kiu Sveda poeto iam esprimis sian plej intiman penson:

Semanto semas en maluman teron
Por la rikolt' venonta la grajneron;
Ventegoj de l' aŭtun' surbiovas ĝin,
Kaj, vintre, dikaj neĝoj kovras ĝin.
Li kiel mi — l' esperon enterigas,
Ĉar je la sun' printempa li ja kredas.

*Ellen Kley.*
Trad.: *A. C.*

 SOCIA VIVO 

# Ramakriŝna kaj la Vedanta-Misio en Hindio kaj en la Okcidento

En la dua duono de l' pasinta jarcento vivis en la ĉirkaŭajo de Kalkuta pia asketo, Paramahamsa, kiel diras la Hindoj, kiu pro sia pieco kolektis ĉirkaŭ ŝi admirantojn el ĉiuj partoj de Hindio. Gadadhara Chattopadhyaya, kiel sin nomis la sanktulo per sia naskiĝa, Ramakriŝna per sia religia nomo, naskiĝis en 1833 kiel filo de malriĉa bramano en Kamarpukar. En frua junaĝo li jam tute sin dediĉis al la studo de religiaj demandoj, kaj poste kiel junulo li enloĝiĝis en la templo de la diino Kali en Dakŝinesvara, kie lia pli aĝa frato estis pastro. Ĉi tie li vivis la vivon de bramana asketo, senĉese okupata per la ekkono de Dio, kaj celanta koniĝi al aliuloj tion, kio pleniĝis lian koron. Apenaŭ plenkreska, li laŭ Hinda kutimo estis edzigata kun la kvarjara Sarada Devi. Sed kiam li poste rezignis ĉian mondumecon, li dum multaj jaroj ne plu vidis sian junan edzinon. Nur tiam, kiam ŝi atingis sian deksepan vivjaron, ŝi rekuniĝis kun li, kaj de nun vivis apud li kiel lia doktrinanino, laŭ ŝia solena promeso, senhava kaj ĉasta. Ramakriŝna ne estis klerulo, li parolis nur per sia gepatra lingvo, kaj la filozofian edukitecon, kiun haviĝas la studo de sanskritaj verkoj, li malhavis. Lia profunda pieco, liaj naturdevenaj saĝeco kaj bonkoreco kaj ankaŭ lia originala spirita inklino, kiu montriĝis per oftaj ekstazoj, baldaŭ haviĝis al li la famon de sanktulo, tiel ke altranguloj kaj malaltranguloj, mizeruloj kaj riĉuloj, viroj kaj virinoj el ĉiuj situacioj kaj kun variaj religiaj opinioj are alvenis al li el granda malproksimeco, por sidi ĉe liaj piedoj. Li mortis la 16 aŭgusto 1866, edifante la kredantojn preskaŭ ĝis sia lasta spiro.

Laŭ lia religia konvinko, Ramakriŝna partoprenis la doktrinon de la tiel dirita neduobleca Vedanta. Li konsideris la multoblan mondon kiel ŝajnon, kiel Maja' on kaj Dion kiel solan realajon. En la plej altaj statoj de l'ekstazo, kiam li, kiel diras la mistikistoj, „kun renversita okulo“ tute absorbiĝis en si mem, li konsciis pri sia unueco kun Dio, kaj intuicie komprenis la veron de l' „Advaita“, la neduoblecon de l' absoluto. Sed en la ordinara vivo, kiam lia spirito ne restadis sur la suproj de l' meditado, li adoris la diajon kiel ion de li mem apartigitan. Al iu lin mallaŭdanta pro tiu ĉi opinio tiel nekonforma al lia monisma kredo, li diris: „En la absoluto mi ne estas, nek estas vi, nek Dio, ĉar ĝi kuŝas trans parolo kaj penso. Sed tiel longe kiel mi ankoraŭ ekvidas ekster mi ion relativan, mi devas ekkoni la absoluton kiel ekzistantan ekster mi. Same kiel peceto de glacio estas parto de akvo, kaj poste solviĝas en akvo, tiel same la persona Dio estas nur parto de la superpersona absoluto, solviĝas en ĝi per kreskanta ekkono, kaj malaperas.“ Laŭ tiu ĉi teologio — kiu cetere ne estas lia persona elpensajo, sed instruata jam de post multaj jarcentoj de la Vedanta-filozofoj — li fervorege adoradis personan Dion. Li opiniis, ke ĉiuj religioj anoncas la saman Dion, kaj nur pro eksteraj cirkonstancoj vidigas siajn instruojn en malsamaj vestaĵoj — same kiel en la preparo de fiŝoj oni konsideras la malsamajn gustojn, aŭ kiel el oro oni fabrikas multspecajn ornamaĵojn. Ĉar la religioj estigis diversajn religiajn idealojn, kiuj klarigas diversajn flankojn de la dia esenco, li elektis kiel objekton de sia adorado jen la „dian patrinon“ Kali, jen Kriŝnaon aŭ Ramaon, jen Ŝivaon aŭ Jezuon aŭ Allahon, ĉiam same fervora kaj celanta malkovri novajn belegaĵojn en Dio.

Aro da disĉiploj estis kolektiĝintaj ĉirkaŭ la sanktulo; post lia morto ili starigis asketan societon, kiu alcelis anonci la doktrinon de l' majstro, kaj ĝin realigi en la vivo. La gvidanto de ĉi tiu societo estis Narendranath Datta kun la religia nomo Vivekananda, viro spirite gravega el la kasto de la skribistoj (kajastha) de Bengalio. Ses jarojn li vivis en soleco sur la Himalaja, tute okupata per siaj spiritaj ekzercoj. Dum 1892 li revenis en la homan societon kaj en Madras konatiĝis kun la teozofo Subramanja Iyer. Ĉi tiu tuj ekkonis lian talenton, kaj en 1893 forsendis lin kiel reprezentanton de l' Hindismo al Ĉikago, por ĉeesti la mondkongreson de la religioj. Vivekananda restadis preskaŭ kvar jarojn en la Okcidento, kaj tre sukcese predikis la Vedanta-doktrinon en Ameriko, Anglio kaj sur la kontinento. Post mallonga restado en Hindio, li en 1898—1900 ree vizitis Eŭropon kaj Amerikon, kaj poste reveturis hejmen, kie malsano lin forprenis en 1902. Li donis al la religia societo firman organizon kaj akiris al ĝi adeptojn kaj amikojn en okcidentaj landoj, inter aliaj la Anglinon Miss Margaret Noble, kiu kiel „Fratino Nivedita“ fariĝis fervora probatalantino de liaj ideoj.

Post la morto de Vivekananda la societo daŭrigis pligraviĝi kaj plivastiĝi. Ĝi nun posedas sep monaĥejojn en diversaj partoj de Hindio; la plej grava el ili troviĝas en Belur, ne malproksime de Kalkuta. Ĉiuj estas centroj de filantropa kaj propaganda agemo, escepte la ermitejo Majavati, kiu kuŝanta apud Almora alte en la Himalaja estas dediĉita al la sola religia meditado. Por haviĝi al la societo la kunlaboradon de laikoj, estis fondata la „Ramakriŝna Misio-Societo“ kun duobla celo, unu religie filozofia, la alia filantrope servema.

La Ramakriŝna-Misio celas disvastiĝi la doktrinon de l' Vedanta en la tuta mondo, tial ke ĝi opinias, ke Vedanta estas la perfektiĝo de ĉiuj historiaj religioj. „Ĉi tiu pretendo de la Vedanta je universala disvastiĝo, ĝi asertas, estas pravigata de la faktoj, ke ĝi ne dependas de l' kredo je unu sola individua fondinto, kaj ke ĝi estas la sola religio tute konforma al la rezultoj de la modernaj sciencaj esploroj.“ La perado de ĉi tiu konvinko estas helpata ne nur per publikigo de libroj kaj broŝuroj, kaj per la eldono de la gazeto „Prabudha Bharata“ (vekiĝinta Hindio), sed antaŭ ĉio per la parolo. La societo forsendas misiistojn en ĉiujn partojn de Hindio kaj en la centrojn de la Eŭropa civilizo. Ĝi plej bone sukcesis en Ameriko, fondante koloniojn en New York, Pittsburg, San Francisco, Boston kaj Washington. Sed ankaŭ en Eŭropo ĝi logis adeptojn, precipe en Anglio kaj Germanio, kie E. A. Kernwart eldonis kelkajn verkojn de Vivekananda kaj de liaj disĉiploj, Germane tradukitajn, kaj kie Paul Zillmans (Metaphysische Rundschau) laboradis en la servo de tiuj celadoj. La adeptoj de Ramakriŝna anoncas sian doktrinon ne ezotere por malmultaj ensekretiĝitoj, sed malkaŝe antaŭ ĉiuj, ĉar Vivekananda estis

dirinta al siaj skolanoj: „Ĉu vi ne komprenas, ke la tempo forpasis por la anonco de sekretaj doktrinoj? Ĉu bone aŭ malbone, tiuj tempoj estas pasintaj kaj neniam revenos. La vero devas por ĉiam kuŝi malfermita antaŭ la mondo."

Laŭ ĝia opinio, ke ĉiuj religioj enhavas la samajn verajojn, kaj pro tio estas taŭgaj por eklernigi la saĝecon, la Ramakriŝna-Misio, ekster sia hejmlando, anoncas nur la ĉiujn historiajn religiojn kompletigan kaj ampleksigan teopanismon de l'Vedanta. Sed en Hindio ĝi fervore propagandas la Hindismon. Ĝi opinias, ke ne estus por Hindio pli taŭga sistemo por akiro de metafizikaj verajoj. La adorado de idoloj, la plenumo de ritoj kaj ceremonioj, kaj la diversaj metodoj de diservado ŝajnas al ĝi indaj, eĉ necesaj rimedoj por purigo de l'animo kaj ascendo al pli altaj gradoj de la spirita vivo.

La sociala bonfarado de la Ramakriŝna-societo ampleksas aferojn tre diversajn. La societo posedas kelkajn hospitalojn, lernejojn kaj orfejojn. Ĝi precipe zorgas pri ĉio nacia, prave opiniante, ke tio estas la kondiĉo de ĉia nacia progreso. La amo al proksimulo esprimata en la maksimo: „laboro estas diservo" tie! plene regas multajn societanojn, ke ili sindoneme kaj senlace prizorgas malriĉulojn kaj flegas pestulojn. Tial la „sannyasinoj" de la societo ne nur instruas kiel multe da aliaj monaĥoj la „Tat tvam asi", la grandan ĉefideon de l'Vedanta pri la metafizika identeco de ĉiuj estajoj, sed ili ankaŭ provas ĝin efektivigi. Same kiel la adoro de persona Dio aŭ la plenumo de religiaj ceremonioj deturnas la pensojn de la propra memo, kaj levas la spiriton super la nedaŭran ŝajnmondon, tiel same ankaŭ la kompatemo kaj la malegoista zorgo por aliaj malrapide sed certe neniigas la egoistajn dezirojn kaj interesojn. Ambaŭ vojoj efikas, ke la trompa vualo de Maja, kiu sorĉe estigas la multecon de la individuoj, estas dissirita, kaj ke la grandioza dia unueco de ĉio ekzistanta eklumiĝas en la spirito kaj vivo de l'kredanto.

*D-ro Helmuth von Glasenapp.*
Trad.: *A. C.*

---

# Kiam la Iliado estis skribata?

Ĉe la eniro al la Eŭropa literaturo staras la epopeoj pri la pereigo de Trojo (Iliado) kaj pri la erarvagado de la hejmeniranta Odiseo kvazaŭ du grandegaj pilonoj, en mirinda izoleco, ne havante ion similan antaŭ si, nek samvaloran siaspecan post si. Kreskinte sur klasika Helena tero, ĉi-tiuj du majstroverkoj fariĝis komuna posedajo de la tutmonda klerularo tiom, ke iliaj konateco kaj influo povas esti komparataj eble nur kun tiu de la Biblio.

Ne estas mirinde, ke oni interesiĝis ankaŭ pri la kreinto de tiuj epopeoj. Sed bedaŭrinde ne ekzistas pri li tradicio nepre fidinda; kaj tial la filologoj kaj literaturistoj diskutas jam de pli ol 2000 jaroj pri la ekzisto aŭ neekzisto de Homero, pri lia naskiĝurbo, pri la aŭtentikeco de liaj verkoj, pri la uzitaj de li literaturaj fontoj ktp. Laŭ la plej subtilaj esploroj de modernaj sciencistoj ŝajnas esti certe, ke la Iliado — nur pri ĝi estas traktate sur la sekvantaj linioj — estas verko, en kiu kun tre malnova poeziajo pri „La kolero de Aĥilo" estas kunfandita pli malpli granda nombro da aliaj malgrandaj epopeoj, verkitaj de poetoj, kies nomojn ni ne konas. El ĉiuj ĉi unu viro — ĉu lia nomo estis efektive Homero, tiun demandon ni flankelasas ĉi-tie — formis la Iliadon, kiun ni nun posedas. Tamen tiu viro ne estis nura redaktisto, kiu nur kolektis, kunigis kaj eldonis tion, kion aliaj estis kreintaj. Jam la fakto, ke li elektis kiel kernon de sia verko ĝuste tiun poeziajon, kiu donis al li okazon, grupigi la okazajojn ĉirkaŭ la persono de unu heroo — nome Aĥilo — kaj prezenti tiamaniere senfendan agadon, psikologiajn konfliktojn kaj ties solvojn, jam tiu ĉi fakto pruvas, ke li estis vera poeto, kiu meritas la gloron, kiun donis al li pli ol du jarmiloj. En la tuta epopeo regas unu klarcela, artista volo, laboranta laŭ detale pripensita plano, kion pruvas precipe la bona grupigo kaj interrilatigo de ĝiaj partoj. Kaj ĉar ni scias, ke la stilo de la epopeo estas ĝenerale harmonia kaj ke jam la antikvaj Grekoj rigardis la Iliadon kiel unuecan artverkon, tial ni povas konsenti, ke tiu ĉi verko en sia nuna formo estas la laboro de unu poeto, ne de nombro da poetetoj.

Des pli necerta estas la tempo, kiam la Iliado estis verkata. La plej multaj sciencistoj ĝis nun nomis por tio la naŭan ĝis okan jarcenton. Tial estas tre interesaj la esploroj, kies rezultojn publikigas Prof. Erich Bethe, docento por la filologio de la klasikaj lingvoj ĉe la universitato Leipzig. Liaj konkludoj estas tiom sagacaj kaj konvinkaj, ke ili meritas grandan diskonigon; kaj tial ĉi-tie kelkaj el liaj pensoj estu koncize prezentataj.

Kiam la Iliado estis skribata? Kelkaj asertas, ke ĝia verkinto eĉ neniel skribis ĝin, ke kontraŭe ĝi ekestis kaj ricevis sian nunan formon nur en la kapo de sia kreinto kaj ke dum generacioj ĝi estis konservata nur per buŝa tradicio. Ĉu tio estas verŝajna? La Iliado ampleksas multe pli ol 15,000 heksametrojn, kaj estas preskaŭ nekredeble, ke unu homa cerbo povus reteni parkere tiun grandegan nombron da versoj. Tamen estas vere, ke en la tempo de Sokrato ekzistis homoj, kiuj efektive sciis parkere reciti la tutan Iliadon. Sed alia afero estas, lerni parkere finitan, skribitan verkon, alia, verki sen uzo de la skribo tian grandegan poeziajon, ne forgesante eĉ la plej malgrandajn detalojn de la jam kreitaj partoj, ne malatentante la fundamentan planon. Verko tiom ampleksa povas esti pensata nur por skribado kaj legado. Eble iu diros, ke la malakordiĝo de kelkaj tekstlokoj estas pruvo kontraŭ la jus dirita supozo (ekzemple en la $12^a$ ĝis $15^a$ kantoj la poeto parolas pri *muro*, kiun la Grekoj konstruis ĉirkaŭ sia tendaro; sed en la $16^a$ kanto li rakontas pri *fosajo*, malhelpanta la fugantajn Trojanojn). Sed tiajn malakordiĝojn ni povas trovi en multe malpli longaj verkoj, ekz. en „Hermann und Dorothea", kvankam Goethe eĉ povis ĉiutempe relegi sian skribajon kaj korekti neĝustajojn.

La plej fruaj skribaj dokumentoj el Greklando estas leĝoj, kiuj estis verkataj ne antaŭ la sepa jarcento. Sed la skribado (kaj legado) de 15000-linia epopeo postulas lertecon multe pli grandan, ol la skribopentrado de kelkaj leĝaj tabuloj. Do ni ne eraros, se el la ĝis nun dirita, ni konkludas, ke la Iliado estis skribata en la sesa jarcento.

Sed ĉu iu poeto skribus verkon, se li ne scius, ke ekzistas sufiĉe granda nombro da homoj, kiuj ĝin povos legi? La ekesto de la skribita Iliado do igas nin supozi, ke en la sama tempo ekzistis almenaŭ malgranda nombro da kleruloj. Kaj tio montras plue tempon, en kiu trankvila, neminacata bonstato lasis intereson por verkoj de tia alta arto. Tiel ekz. ankaŭ Firdusi verkis sian grandegan „Ŝaname" (libro de la reĝo, de la herooj) sur la fundamento de la multaj mitaj kaj pli-malpli historiaj poeziajoj antaŭ li verkitaj, kiam la militaj tempoj de la Araba invado estis pasintaj kaj ordo, sekuro kaj trankvilo revenis sub la regado de potencaj, riĉaj, artamantaj reĝoj. Same ankaŭ la malnovaj Germanaj herokantoj estis kolektataj jam de Karlo la Granda (768—814); sed nur fine de l' $11^a$ aŭ komence de l' $12^a$ jarcento nekonata poeto skribis, uzante ilin, la Germanan nacian epopeon (Nibelungenlied), kiam la politikaj cirkons-

tancoj sub la regado de la Hohenstaufen estis favoraj. La maltrankvila epoko de 1100 ĝis ĉirkaŭ 700, kiam la Grekaj gentoj, serĉante novajn hejmojn en oriento kaj okcidento, fluis de loko al loko, certe ne estis konvena tempo por la kreado de verko, postulanta jardekojn da neĝenata penslaboro. Tial la modernaj esploroj venas al la sama rezulto, kiel jam kelkaj antaŭaj sciencistoj, nome ke la Iliado en sia nuna formo estis verkata tre verŝajne en la tempo de Pizistrato (560 527), kiam Ateno kaj tuta Greklando estis en paco kaj trankvilo.

Sed la plej grava pruvo por la aserto, ke la aŭtoro de la Iliado ne vivis antaŭ la jaro 600, troviĝas en la 6a kanto de la verko mem. Tie estas rakontata, ke la Trojaninoj iras al la templo de Athene, por peti la helpon de la diino kontraŭ la Grekoj. Kiel oferdonon ili kunportas altvaloran veston, kiun ili metas sur la genuojn de la statuo, kiu do devis esti sidanta. Tiu ĉi epizodo estas neeligebla parto de la tuta epopeo, egale necesa pro laŭracia interligiteco kaj psikologia kompreno. La iro de Hektoro (oni komparu mem la 5an ĝis 7an kantojn de la Iliado) al la urbo estas sekvo de la venkoj de Diomedo en la 5a kanto, kaj la sukcesoj de la Trojanoj en la 7a kanto fariĝas eblaj nur, ĉar Hektoro revenis kun Pariso. Krome la poeto uzas la restadon de Hektoro en Trojo, por renkontigi lin al Andromako kaj por priskribi la kortuŝan adiaŭon de la geedzoj. Tiamaniere la verkinto vekas nian korsenton por la heroa patro kaj edzo, kiu baldaŭ falos, defendante sian patrujon; tiamaniere li gajnas ankaŭ kiel laŭartan necesaĵon la epizodon, ke Priamo elpetas la kadavron de sia filo kaj kun honoroj enterigas ĝin en la urbo. Per tio la poeto atingis, ke la krueleco de Aĥilo vidiĝas en pli milda lumo, kaj la tuta epopeo repacige finiĝas.

La interplektiĝo de la 6a kanto kun la antaŭaj kaj postaj partoj do estas nepre evidenta. Tio estas tre grava fakto; ĉar el ĝi rezultas, ke, kiam la 6a kanto estis skribata, tiam estis kreata la tuta epopeo, kies neelprenebla koro ĝi estas. Feliĉe ni povas tre precize nomi tiun tempon, respondante la demandojn: Kiam la Grekoj lernis konstrui grandajn templojn? Kiam ili lernis skulpti homgrandajn distatuojn? La arkeologio respondas, ke tio okazis en la 7a jarcento; ĝis tiam ili havis nur tre malgrandajn sanktejojn kaj en ili statuetojn, kiujn oni povis forporti sur la mano. Nu, por la poeto kaj lia publiko la ekzisto de tiaj temploj kaj statuo ŝajnas jam io tute ne mirinda; kaj tial tiu ĉi teksto povas esti skribita plej frue komence de l' sesa jarcento. Plue: La priskribo de la Athene-templo sur la montaltaĵo en Trojo, kian la poeto tie ĉi faras, tre bone akordiĝas al la Athene-templo en la „Nova Trojo", efektive starinta tie en la sesa jarcento, kion pruvas moneroj el tiu tempo kaj la esploroj de Schlieman k. a. Estas evidente, ke la verkinto konis tiun templon kaj pentris ĝian bildon antaŭ la okuloj de siaj legantoj, kiuj certe ankaŭ plej grandparte jam estis ĝin vidintaj. La deziro, pentri plej eble klare por siaj legantoj la scenon, estas tiom granda en la poeto, ke li tute forgesas, ke en la antaŭaj partoj de la epopeo Athene estas la malamikino de la Trojanoj, kontraŭe tie ĉi ŝi estas rigardata kiel urboprotektantino! Se ni krome pripensas, ke la esploro de la lingvo de tiu ĉi tekstparto pruvas, ke ĝi estas relative juna, ni povas jene konkludi: La verkinto de la versoj pri la preĝiro de la Trojaninoj povis vivi ne antaŭ la jaro 600. La verkinto de tiuj versoj estas nepre la sama poeto, kiu laŭ plej artista maniero kunigis kaj memstare prilaboris la diversajn versaĵojn en ĝi entenatajn. Do la Iliado, kiun ni hodiaŭ posedas, estas verkita ne antaŭ la jaro 600.

*Paul Bennemann.*

---

# La rekreado de la Juda nacio

En la nuna epoko rekreiĝas nacioj, kiuj antaŭ la milito ne havis apartan ekziston. Eble plej interesa el ĉi tiuj naciaj movadoj estas tiu de la Judoj, ĉar tiu nacio ludis gravan historian rolon. En marto lasta aperis antaŭ Komisiono de la Paca Konferenco en Parizo delegitoj de la Judoj, kiuj reprezentis la Zionistan organizaĵon. Kiel rezultato de ĉi tiu intervidiĝo, la Komisiono akceptis principe la restarigon de Palestino kiel nacia hejmo por la Juda popolo.

Kiam en 1916 la nuna raportanto recenzis en ĉi tiu gazeto (vidu N-ro 7/8 de julio/aŭgusto 1916) libron titolitan „Zionism and the Jewish Future", li apenaŭ kredis, ke la libro traktas pri afero, kiu baldaŭ estis fariĝonta konkreta problemo de la mondpolitiko. Tamen jam en la fino de 1917 la celoj de la Zionistoj ricevis la sigelon de la aprobo de la registaroj de la kunligitaj landoj, enkalkulante Usonon. Ĉi tiu aprobo estis esprimita al la Juda mondo per deklaro de la Brita registaro en letero, datita 2 novembro 1917, de S-ro Balfour, Brita sekretario por fremdaj aferoj, al eminenta Brita Judo Lord Rotschild. De post tiu deklaro la plimulto de la Judoj tra la tuta mondo fariĝis Zionistoj, aŭ almenaŭ aprobas la celojn de Zionismo — t. e. la restarigo de Palestino kiel nacia hejmo de la Judoj. En Britio lastatempe 77,000 plenaĝaj Judoj (el eble 90,000) subskribis petskribon al la Pac-konferenco petantan, ke ĉi tiu efektivigu la promesojn, faritajn en la nomo de la kunligitaj registaroj, restarigi Palestinon kiel nacian hejmon por la Judoj. En Zurich lasta konferenco de ortodoksaj Judoj (ne-Zionistoj), en kiu partoprenis reprezentantoj el 14 landoj, postulis tiun saman rajton.

La Zionistoj celas la kunlaboron ne nur de la Kristanaj loĝantoj en Palestino, sed ankaŭ de la Araboj, kun kiuj ili deziras vivi kiel amikaj najbaroj. La edukitaj Araboj tute simpatias kun la aspiroj de la Judoj. Tion montras letero, kiun Emir Feisal, Araba estro, adresis al unu estro de la Amerikaj Zionistoj, en kiu li nomas la Judojn kuzoj de la Araboj, kaj deklaras, ke la Araboj faros al la Judoj koran akcepton.

Zionista komisiono, elektita de la Brita registaro, vizitis Palestinon en marto de la lasta jaro, por esplori la ekzistantajn administron kaj instituciojn, kaj prepari planojn por la rekonstruado. Krom tio, ĝi ankaŭ devis organizi helpon por rifuĝintoj. Ĝi ankaŭ donis sian atenton al la projekto fondi en Jerusalemo Hebrean Universitaton, kies fundamentan ŝtonon ĝi starigis sur la monto de la Olivoj. Ĉi tiu universitato servos kiel centro de Hebrea kulturo, kaj ankaŭ kiel simbolo de la nacia konscio kaj spirito.

Interese ankaŭ estas noti la fakton, ke la Judaj virinoj estos la unuaj en Oriento, kiuj ricevos la parlamentan voĉdonrajton. Jam la Hebrea nacia kunveno, kunvokita lastatempe en Palestino, decidis, ke viroj kaj virinoj aĝaj super 20 jaroj povos voĉdoni. Tiu decido estis akceptita de la du Zionistaj partioj: la Mizraĥi (ortodoksa) kaj la Poale Zion (laborista partio). Ambaŭ akceptas la Hebrean kiel la nacian lingvon.

Inter la 23 februaro kaj 12 marto okazis en Londono internacia Zionista konferenco. (Pro la ekzistantaj kondiĉoj ne estis eble, ke reprezentantoj ĉeestu el Germanio kaj aliaj landoj.) Tiu konferenco diskutis pri la rekonstruado de Palestino, pri edukado, enmigrado, terposedo, kaj pri naciaj rajtoj en aliaj landoj. Por eviti troamasiĝon de enmigrantoj oni konsilas al tiuj intencantaj enmigri Palestinon, ke ili faru tion nur laŭ la konsilo de la Zionista organizaĵo. (Adreso: 175, Piccadilly, London, W.)

La spirito, kiu animas ĉi tiun nacian movadon, estis jene esprimata de D-ro Chaim Weizmann, prezidanto de la Angla Zionista Federacio, ĉe granda manifestado en Manchester: „La Palestino, kiun ni esperas konstrui, ne estos simple kopio de io jam ekzistanta en la mondo; ĝi estos io pli bona. Ĝi ne estos necese kopio de Svisio aŭ Belgio — kion utilas multobligi kopiojn? Ĝi estos io, kio elkreskos el la Juda tero, el la Juda genio, el la Juda animo. Ni utiligos la sperton amasigitan tra miljaroj da suferoj. Jen la idealo, kiun ni havas antaŭ ni, la idealo, por kiu ni laboras, kaj ĉi tiu idealo forĵetas ĉian atakemon aŭ malamon kontraŭ tiuj, kun kiuj ni devos labori kaj vivi."

*P. J. Cameron.*

---

# La mekanikigo de la vivo

Niaj ĉiutagaj kaj esencaj gestoj malmulte dependas de niaj plej altaj sentoj. Niajn kutimojn determinas la forto de la necesaĵoj.

Ni unue rimarku, ke en la fenomenoj de nia vivo ekzistas neevitebla periodeco. Mi ne parolos pri la regula movado de nia koro, nek pri niaj spirmovoj. Sed la ĉiama rotacio de la terglobo ĉirkaŭ ĝia akso havas la efikon, ke ĝi dividas nian vivon en malgrandaj periodoj nomataj tagoj kaj noktoj, kiuj mirinde reguligas niajn okupojn. En tio nia volo ne partoprenas. Aliparte ekzistas en nia organismo histoj, kies eluziteco estas rapida, kaj kiuj devas esti konstante renovigataj. Eĉ en la polusaj regionoj, kie nia kuŝiĝo ne povus esti reguligata laŭ tiu de la suno, niaj horoj de agado kaj niaj horoj de ripozado regule alternus.

Aparte facile observebla estas la aŭtomateco de la movoj ĉe la laboristo. Preskaŭ ĉiuj homoj estas kondamnataj al maŝina laborado. En la minejoj, en la nuntempaj fabrikejoj, estas necese labori rapide kaj multe produkti. Dum la lastaj jaroj oni ofte parolis pri Amerikana inĝeniero, kiu sukcesis tre atentinde kreskigi la produktadon, tute mekanikigante la laboriston, tio estas instruante lin fari neniun el tiuj senutilaj gestoj, kiuj estas propraj al la vivantaj estuloj.

Senlaboruloj, kiuj „sin amuzas", cetere povas, tiel same kiel la laboristoj, simili al aŭtomatoj. La periodeco de iliaj manĝoj kaj de ilia dormotempo ankaŭ, ĝis ia grado, periodigas iliajn promenojn kaj distrojn: Sinjoro barono kaj liaj amikoj ĉiam kunvenas sabatvespere. Ili iras al la muzikhalo merkrede kaj vendrede. Iliaj ludoj varias laŭ la sezonoj. Kaj ĉiumatene ili povus, preskaŭ certe, antaŭdiri, laŭ kiu vico sin sekvos la malgrandaj okazaĵoj de l' tago.

Al tiu barono ni ĉiuj pli aŭ malpli similas. La plezuroj, al kiuj ni fordonas nin, fariĝas kutimaj, se ni ne atentas, kaj la intertempoj, kiuj apartigas la sinsekvajn manifestadojn de nia amikeco, tendencas egaliĝi.

Se mi ne estus tre timema antaŭ la problemoj de la metafiziko, mi dirus tion: „La ritmo estas la leĝo de la mondo." Spite sia ekstrema ĝeneraleco, tiu aserto eble havus sencon. Sed eĉ ne sciante, ĉu la regula ripetado de ĉiuj fenomenoj estas propra al la esenco de la aĵoj, ni povas rekoni, ke ĝi grandege simpligas nian vivon. Por meti unu piedon antaŭ la alia, mi ne bezonas la konscian penadon, kiun mi faris je la aĝo de dekdu monatoj. Mi scias, irante al mia amiko Georgo, ke mi povas esti certa pri la alterna movado de miaj kruroj. Bone reguligitaj ili faros ĉion necesan, kaj mia atento povos sin koncentri al pli noblaj objektoj. Ni aldonu, ke okaze de tuja danĝero, la homo estas protektata de siaj refleksoj antaŭ ol lia inteligento povas utili al li. En tiaj okazoj li ŝuldas sian savon al aŭtomata mekanismo, kiu funkciis en li.

La homoj, kiuj estas tre rutinemaj, estas homoj, pri kiuj ni povas esti certaj. La reguleco de ilia vivo donas grandan certecon al niaj antaŭdiroj. Ni diru ion pli: Estas feliĉe, ke ekzistas en ni io peza, kio rezistas al la agiteco de nia animo. Supozu socion, en kiu la individuo, posedata de intensa vivemo kaj de forta volo, senĉese renoviĝus. Provu imagi moralan mondon, en kiu la inerteco ne ekzistus: kia nestabileco! kia malcerteco!

Por ekzisti oni devas havi kelkajn ecojn konstantajn. Por ekzisti, el socia vidpunkto, oni devas havi rekoneblan personecon, tio estas kelkaj konstantaj agmanieroj. La homoj postulas, ke ni estu mekanikaĵoj, kies movojn ili kutime povas antaŭscii.

* * *

La sociaj leĝoj do same efikas kiel la biologiaj por kreskigi la aŭtomatecon en la agado de la „pensantaj" kreitoj. La kunligo de la ideoj estas ankaŭ unu el tiuj fundamentaj fenomenoj, kiujn nia prudenta volo ne regas. Kutime ni pensas kaj parolas mekanike.

Nu! ni iafoje ne sciu esti mekanikaĵoj!

La moderna socio ja bezonas specialistojn, kiuj estos la utilaj radoj de la granda maŝino. Sed, aliparte, la demokratio volas, ke en la ŝtato ĉiu civitano estu konscia estulo, kapabla studi la gravajn demandojn de la regno, de la moralo kaj de la ekonomio. Estas la suverena popolo, kiu devas solvi tiujn malfacilajn problemojn. Mi ja scias, ke oni povas aŭtomate voĉdoni, kiel ofte postulas „la disciplino de l' partio". Sed, spite ĉio, estas en la vivo momentoj, kiam la individuo devas pripensi antaŭ ol decidiĝi. Li ne estos kapabla tion fari, se li estas tro bone mekanikigita.

La filozofo Bergson diris: „La sintenado, gestoj kaj movoj de la homa korpo estas ridigaj laŭ kiom tiu korpo rememorigas al simpla mekanikaĵo." Pli ĝenerale, en ĉio kio ridigas, tiu filozofo, eble iom tro sisteme, eltrovas „ion mekanikan modelitan sur io vivanta". La libro, kiun Bergson titolis „La Rido", estas cetere rava ĉefverko.

Do, kiam ni agas kiel aŭtomatoj, kiel fadenpupoj, ni estas ridigaj. Sed ankaŭ niaj manioj kaj niaj senĉesaj ripetaĉoj povas fari el ni tedulojn. Ni zorge atentu pri la kutimoj, kiuj minacas nin tute kapti.

Estas io abomeninda en la konceptoj de tiuj, kiuj dezirus, ke la homo tute apartenu al la ŝtato. Ili parolas pri la avantaĝoj, kiujn prezentus por la socio la perfekta organizo de la individuaj fortoj. Sed kiu ĝuus la spektaklon de tiu senmanka ordo? Por ke la vivo estu bela, necesas, ke ekzistu almenaŭ unu individuo kapabla senti ties belecon. Ĉu ni volas mondon, kie la varmeco de la animoj servos por movigi la maŝinojn, aŭ ĉu ni kredas, ke la vera rolo de la maŝino estas liberigi la animojn?

La ŝtato povas plenumi la ĉefajn utilajn taskojn, sed estas la libera individuo, la vivanta estulo, kiu elpensas, kreas kaj amigas.

Oni pli kaj pli specialigas, kaj oni mekanikigas la homon. Mi vidis, en ilustrita gazeto, melankolian rentulon, sidantan sur benko de publika ĝardeno. Li pripensis: „Mi kredas, ke mi vendis mian firmon tro frue." La malfeliĉulo, dum kvardek jaroj, estis nenio alia ol maŝino por vendi nutraĵojn. Kaj unu tagon ĉiuj organoj de la maŝino estis subite haltintaj.

Mi ne parolas pri izola kazo. Sennombraj estas la laboristoj, kiuj dimanĉe promenigas enue sur la vojoj la ŝarĝon de la libereco!

La eduko, kiun oni donas al ni, ne helpas nin konservi kiel eble plej longe la vivon en nia spirito. Je nia epoko

la nombro de la profesiaj lernejoj senĉese kreskas. Observu la homojn de lundo al sabato: oni certe instruis al ili en sufiĉa maniero formulojn, procedojn, artifikojn, dank' al kiuj ili povas praktiki metion kaj gajni monon. Cetere estas kredeble, ke la graveco de la teknikaj konoj, de la diplomoj kaj, sekve, de la ekzamenoj fariĝos pli kaj pli granda. El tio rezultos, ke la edukisto estos devigata pli kaj pli mekanikigi sian taskon. Instruante ankoraŭ tre junajn lernantojn, li jam pensos pri ilia estonta specialiĝo.

Kiam la paco estos reveninta, estos en la moderna mondo ankoraŭ multe da noblaj ideoj porbatalindaj, interalie defendi la individuon, defendi la homan animon kontraŭ la organizema ŝtato. Ni ne devas destini la infanon nur al tio, ke li fariĝu utila ilo. Ni ne forprenu de li tro frue, en la nomo de la generala intereso, lian valoran senzorgecon. Estas superflue helpi al la fortoj, kiuj tendencas fari el li aŭtomaton. Kiam necese, li specialiĝos. Sed unue, kiu devas konservi la intelektan kaj fizikan flekseblecon de la junuloj, kiu devas plivivigi ilian spiriton, se ne ĝuste la lernejo, kie ili ĉiuj devas pasigi siajn unuajn jarojn? Estas en ili facile rompebla spontaneco, kiun oni tro frue sufokas. Se, pli poste, ili estas kondamnotaj maŝine labori dum ses tagoj el sep, ili almenaŭ konservu vivantan animon por la dimanĉoj.

*H. Roorda v. E.*

Trad.: *A. R.*

---

# Pri Louis Pasteur

I

La nomo Louis Pasteur estas tre bone konata sur la tuta mondo. Sed tamen eĉ multaj inteligentuloj ne scipovus respondi la demandon, kion kreis Pasteur kaj kiaj estas liaj meritoj. Li estas konsiderata kiel granda kuracisto, sed kvankam estas sendube, ke li per siaj verkoj revoluciis la medicinan sciencon, tamen ne multaj homoj scias, ke Pasteur estis fakte ne kuracisto, sed ĥemiisto. Nur dank' al lia ĥemia pensmaniero lia menso ne estis limigata per ĝenerale akceptitaj kuracistaj teorioj. Li enkondukis ĥemiajn esplormetodojn en la medicinon kaj kreis tiamaniere faktojn tute novajn kaj originalajn. Li estis unu el la plej eminentaj viroj, kiujn havis la XIXa jarcento. La akiroj de lia laboro kaj de la skolo de li kreita havis tiel grandegan influon sur la sciencon ĝenerale kaj speciale sur la ĥemion kaj medicinon, sur la opinion pri vivfenomenoj, pri la esenco de infektaj malsanoj kaj de ilia kontraŭbatalado, ke oni povas sentroige diri, ke tiu ĉi scienca potenculo postlasis en sia scienca laboraĵo grandegan heredaĵon, per kiu post li nutriĝas kaj nutriĝos multaj generacioj.

Lia vivo estis modelo de grandega laboremo. Li naskiĝis en 1822 en Dôle, Jura-departemento en Francio. Lia patro, maljuna soldato Napoleona, estis tanisto. Li estis kuraĝa, brava kaj inteligenta homo kaj scipovis esti por la filo bona kondukanto kaj konsilanto. En la 16a vivjaro Pasteur forlasas sian naskiĝurbeton kaj translokiĝas Parizon kiel milda, hontema kaj timema junulo. Je la dudeka jaraĝo li atingas la titolon de abituriento pri sciencoj. La „mezvalora“ noto pri ĥemio, kiun ricevis en la lernejo tiu ĉi plej eminenta ĥemiisto, estas unu el multaj pruvoj, ke la lernejaj kaj ekzamenaj notoj ne estas ĉiam veraj indikoj de ĝusta personvaloro. La cerbo, la laboro de l'animo kaj la energio estas tiam ankoraŭ plene evolueblaj, kaj eĉ tre mezvalora studento povas fariĝi eminentulo. En 1843 li komencas vizitadi la normalan lernejon en Parizo kaj post kvar jaroj fariĝas asistanto en tiu ĉi lernejo. Jam tiutempe li disvolvas tre grandan sciencan agemon en la fiziko kaj ĥemio, kaj apenaŭ dudeksesjara li fariĝis profesoro de fiziko ĉe liceo en Dijon, kaj poste de ĥemio en Strasbourg, de kie oni lin alvokas al Lille. Tridekkvinjara li revenas Parizon jam kiel direktoro de la normala lernejo.

La sciencan agadon de Pasteur karakterizas granda precizeco kaj persisteco kaj samtempe granda entuziasmo. Li trajetiĝas el unu laborkampo en alian, kaj ĉiun li per sia genio fekundigas. Komence li esploradis la optikajn, ĥemiajn kaj kristalografiajn ecojn de la korpoj. Poste kun menso tute libera kaj sen antaŭjuĝa li transjetiĝas en agadkampon al li tute fremdan kaj publikigas siajn famajn kaj epokfarantajn verkojn pri fermentado, pri ĝermoj kaj pri memestiĝo aŭ aŭtogenezo. Tiuj ĉi laboroj fariĝis la bazo de la nuntempaj opinioj pri la valoro de mikrorganismoj en la funkciado de la naturo.

Ĝis la tempo de Pasteur oni kredis, ke la putrado kaj fermentado en longe senmovaj fluidaĵoj fariĝas tiamaniere, ke en tiuj ĉi fluidaĵoj el organikaj materioj kreiĝas per si mem t. e. per memestiĝo aŭ aŭtogenezo malgrandetaj vivantaj estaĵoj kiel ŝimestaĵoj, feĉoj kaj aliaj mikrorganismoj. Tiu ĉi teorio de memestiĝo aŭ aŭtogenezo havis fervorajn kaj obstinajn partianojn, kaj la naskiĝado en fluidaĵoj de tiuj ĉi malgrandetaj estaĵoj, kvankam oni ilin tien antaŭe ne ensemis, ŝajne konfirmis ilian opinion. Dume Pasteur per simplaj kaj geniaj eksperimentoj la unua pruvis la erarecon de tiu ĉi kredo. Li pruvis, ke ĉiu eĉ la plej malgrandeta estaĵo nepre devas naskiĝi kaj deveni el alia al ĝi simila. Sammaniere bakterioj, kiel ŝimoj kaj feĉoj, estiĝas el ĝermoj nomitaj sporoj. Tiuj ĉi malgrandetaj sporoj troviĝas en akvo, sur tero kaj en aero. La sporoj enfalas en ian fluidaĵon aŭ en ian alian konforman grundon, ili tie disvolviĝas, kreskas, pluriĝas kaj kaŭzas putradon, ŝimadon aŭ fermentadon. La eksperimento, per kiu Pasteur ĝin pruvis, estis genie simpla. Li ŝtopis per vato vitran botelon kun fluidaĵo, por ke la aero eniranta estu trafiltrita kaj ke kun ĝi ne eniru polveretoj. Poste li zorge boligis la fluidaĵon por mortigi tiujn sporojn kaj bakteriojn, kiuj povis enpenetri dum la enverŝado. Tiamaniere li ricevis fluidaĵon tute sterilizan t. e. senigitan je ĉiuj malgrandetaj vivestaĵoj. Tiu ĉi fluidaĵo restadis en la stato de sia origina pureco dum tempo ne limigite longa kaj ne malklariĝis, ĉar ĝi nek mem enhavis vivantajn estaĵojn, nek ili el ekstero enpenetris. La fluidaĵo estis sterila. Post elpreno de la vato post kelka tempo disvolviĝis kaj pliiĝis en la sama fluidaĵo milionoj da mikrorganismoj. Tiamaniere dank' al Pasteur falis senrevene la erara teorio pri memestiĝo, kiu tiel longe okupis la mensojn de la scienculoj.

Li estis la unua, kiu instruis la kuracistojn-bakteriologojn, ke oni povas arte nutri aŭ kulturi mikrorganismojn sur konformaj nutraj fluidaĵoj kaj tiamaniere ebligis la ekkonon de iliaj vivkondiĉoj.

Pasteur ankaŭ pruvis, ke ĉiun apartan fermentaĵon kiel ekzemple la laktan, la vinagran, la bieran, la vinan, la buteran, panan kaj urinan, elvokas apartaj diversspecaj mikrorganismoj, kiuj inter si diferencas per formoj kaj vivmaniero. Li pruvis, ke kelkaj vivaĵoj havas kapablon memmoviĝi kaj ke la aliaj ne nur ne bezonas por vivo la oksigenon, sed ke ĝi estas por ilia vivo eĉ mortiga. Li pruvis ankaŭ, ke la putrado ne estas ia alia procedo sed nur fermentado t. e. dispartiĝo de ia substanco en aliaj konsistpartetoj, kaŭzata de mikrorganismoj, kaj ĉe kiu samtempe estiĝas malodorantaj produktoj kaj gasoj. Li pruvis, ke tiuj ĉi malgrandetaj organismoj estas en la naturo senĉese agaj kaj ke ili estas plej gravaj laborfortoj en la funkciado

de la naturo. Sen ilia senĉesa laborado tuta surfaco de la tero estus ĉiam kovrata de kreskaĵaj kaj bestaj kadavroj kaj la vivo ne povus disvolviĝi, ĉar la verko de la morto ne estus finiĝinta. Ili ĉiam per fermentado kaj putrado dispecigas la kreskaĵajn kaj bestajn kadavrojn, kaj redonas la samtempe kreiĝantajn gasojn al la atmosfero kaj la mineralkorpojn al la regno de mineraloj, kaj tiamaniere ili ebligas kaj faciligas al vivaj estaĵoj la vivon kaj disvolviĝon. La praktika efiko de la fama Pasteur „teorio pri ĝermoj" estas la tiel nomata uzo de „pasteurizado" de la lakto, biero, vino kaj de aliaj fermenteblaj kaj putreblaj fluidaĵoj. Ĝi celas la konservadon en nedifektita stato de nutraj fluidaĵoj kaj efektivigas ĝin per varmigado kaj posta malvarmigado. Krom tio la ideoj de Pasteur pri fermentado servis al la Angla ĥirurgo Lister kiel bazo por lia elpensaĵo de antisepsa kuracmetodo kaj vundbandaĝo, kiuj fariĝis valoraj kaj konstantaj bonfaraĵoj por la homaro.

En 1868 la kvardeksesjara Pasteur fariĝis direktoro de fiziologia-ĥemia instituto en la lernejo de altaj studoj (Ecole des hautes études). Tiam ekokupis lin denove alia laborregiono. En lia lando regis malsano de vinberujoj, kaj la sekvintaj grandaj financaj perdoj de la lando instigis lin al efikaj esploroj pri la vinbermalsanoj kaj ilia kontraŭbatalado. Krom tio regis makuleca epidemio de silkraŭpoj, kiu ĉiujare pligrandiĝis. La kulturado de silkraŭpoj estis la unuura fonto de vivgajno de kelkaj Francaj departementoj kaj por Francio unu el la plej grandaj fontoj de riĉeco. Ĉiuj antaŭaj provoj de kontraŭbatalado malsukcesis, kaj la jara profito de la silkproduktado malgrandiĝis el super 100 milionoj da frankoj ĝis 4 milionoj. Tiam Pasteur trairis denove sur la nekonatan kaj por li tute fremdan agadkampon, studadis la kaŭzon de tiu ĉi malsano kaj denove malkovris apartan specon de mikrorganismoj, kiuj infektis la silkraŭpojn. Li montris kiel efikan sanigan rimedon la mikroskopian esploron de silkraŭpaj ovetoj kaj la diferencigon kaj apartigon de sanaj silkraŭpaj kulturoj for de la malsanaj. Tiu ĉi malkovro savis la landon kontraŭ financa ruiniĝo kaj la dankema Nacia Kunveno decidis en 1874 por Pasteur dumvivan jaran pension da 12,000 frankoj.

La ĝistiamaj verkoj de Pasteur faris en la scienca mondo grandan impreson. Oni la unuan fojon pruvis, ke en la ĥaoso de mikrorganismoj ekzistas apartaj specoj, kiuj havas diversajn apartajn formojn, apartan vivmanieron kaj apartan agmanieron kaj gravecon. Tiamaniere fariĝis bazo por kompreno de la esenco kaj diferencigo de la infektaj malsanoj kaj de ilia kuracado. El tiu ĉi vojo Pasteur jam ne flankeniris ĝis la fino de sia vivo.

La proksima fenomeno, pri kiu Pasteur sin poste okupis, estis la mikrorganismoj, efikigantaj infektmalsanojn kaj ilia venenigeco por la homa kaj besta organismo. Li decidis fari tiujn ĉi esplorojn per la ĝis nun de li mem ellaboritaj metodoj. Li enpaŝis denove sur freŝan por si laborkampon, ĉar li estis laŭ sia propra esprimo: „fremda en medicinaj kaj veterinaraj sciencoj." Spite de tio li postsignis sian laborvojon per eminentegaj sciencaj sukcesoj. Per siaj laboroj li kunhelpis la klarigon, ke la infektigaj bakterioj estas samamaniere diversspecaj kiel la fermentoj kaj ke la diversaj specoj povas efikigi diversajn apartajn, specifajn malsanojn. Li pruvis, ke la samaj mikroboj povas esti por la infektita organismo iufoje malpli, alifoje pli venenigaj. La venenigemo estas do nekonstanta faktoro kaj povas esti plimalfortigata aŭ plifortigata ĉu per kreado de konformaj kondiĉoj en la organismo atakita, ĉu per konformaj manipuladoj kun la mikroboj atakantaj. Ekzemple la bakterioj de antrakso, kiuj estas tre venenaj por la suĉbestaro, enŝprucigitaj al la kokino tute ne efikigas ĉe ĝi ian malsanstaton. Sed se ni enmetos por pli longa tempo la kokinon en malvarman akvon 25° gradan tiamaniere, ke subakviĝu ĝiaj piedoj kaj la posta korpoparto, tiam la kokino fariĝas infektebla per antraksmikroboj tute sammaniere kaj samgrade kiel la suĉbestoj. Ĉe tiu eksperimento la plimalvarmigado de la kokina organismo kaŭzis ĝian infektiĝemon. La kutima temperaturo de la kobino estas 42° grada kaj ŝirmas ĝin kontraŭ la infektiĝo per antraksaj bakterioj, sed la malvarmigo kaj faligo de la korpa temperaturo je kvar ĝis kvin gradoj igas infektiĝemas la kokinon.

Aliflanke oni povas malgrandigi aŭ plialtigi la venenigemon de infektecaj bakterioj pere de diversaj manipuladoj. Se ni infektigas beston per bakterioj, poste el ĝi translokos ilin al alia besto, poste al tria, unuvorte se ni la infektaĵon trakondukos tra vicoj de diversaj bestoj, ni ekvidos, ke la venenigemo aŭ tiel nomata viruseco de la samaj bakterioj post kelka tempo plifortiĝis aŭ malplifortiĝis. Pasteur unue pruvis, ke ĉe la bestmalsano nomita „kokina ĥolero", se ni transkondukos la infektaĵon de unu birdo al alia, la veneno tiagrade malplifortiĝos, ke ĝi poste jam ĉesas esti mortiga por la birdo, sed efikigas nur malgrandetan malsanon. Similajn eksperimentojn faris Pasteur ĉe alia bestmalsano nomata „erizipelo de porkoj." Li observis, ke kiam ni la bakteriojn efikigantajn tiun ĉi malsanon trakondukas tra kolomboj, ilia venenigemo plifortiĝas, kaj kontraŭe per la trakonduko tra korpoj de kunikloj la venenigemo malplifortiĝas. Li inokulis al porkoj tian malplifortigitan infektaĵon, kaj kiam li post 12 tagoj injektis al ili la kutiman fortan venenon la porkoj, jam alkutimiĝintaj per antaŭaj inokuloj, tute ne malsaniĝis kiel kutime. Tiamaniere Pasteur sukcesis per antaŭa inokulado de malplifortigita veneno krei ĉe la porkoj rezistecon kontraŭ tiu ĉi malsano. La samajn sukcesajn pruvojn li faris kun bestmalsano nomata „antrakso", kiu atakas prefere ĉevalojn, bovojn, ŝafojn kaj kaprinojn, kaj li ellaboris tre efikan profilaksan inokuladon kontraŭ tiu ĉi malsano.

*(Daŭrigota.)* *D-ro Maksimiliano Blassberg* (Krakovo)

---

# *Al niaj abonantoj*

*La personoj, kiuj estas informitaj pri la finiĝo de sia abono, estas petataj sendi al ni la reabonpagon kiel eble plej baldaŭ por eviti ĉiun prokroston en la ekspedado de la gazeto.*

* * *

*Abonejoj por la landoj, de kie internaciaj postmandatoj nun ne estas sendeblaj:*

*Aŭstrio:* D-ro Sós, Tuchlauben 18, Wien.

*Bohemio:* Administrejo de „La Progreso", Radynská 10, Plzeň.

*Hungario:* Librejo Kokai Lajos, Kamermeyer Karoly u., Budapest IV.

*Polio:* Adolf Oberrotman, Krak. Przedmiescie, Warszawa.

*(Abonprezo por tiuj landoj: 12 Kronoj. Luksa eldono: 14 Kronoj.)*

* * *

*Tiu ĉi numero aperas kun 20 paĝoj. Varbu novajn abonantojn, se vi deziras, ke ni realigu pluajn progresojn.*

# LITERATURO

## Peĉjo

de **Anatole France**

---

La fama Franca prozisto publikigis antaŭ nelonge sub la titolo „Le petit Pierre" (Peĉjo) kolekton da infanecaj rakontoj, parte biografiaj, en kiuj infaneca naiveco kaj saĝaj konsiloj agrable kunmiksiĝas. Jen du el ili:

I

### La sekvoj de falsa rezono

Jen ankoraŭ, kion mi rememoras el la mallumo de l' pratempoj. Ĝi estas malmulto, sed ĉiuj komencoj estas por ni kiel mistero interesaj, kaj, ĉar ni ne povas ekkoni la devenon de l' homa penso, ni ŝatas almenaŭ observi la vekiĝon de l' inteligento en infano. Kaj se tiu infano prezentas nenion malofta nek eksterordan, ĝi estas temo despli valore observinda, ĉar ĝi sola anstataŭas mult-egon da infanoj. Tial mi tuj rakontos mian anekdoton, kaj ankaŭ ĉar tio vere plezurigos min.

Iam . . . mi ne povas pli precize paroli, ĉar la loko de tiu tago en la tempodaŭro estas perdita kaj neniam retrovota . . . iam, do, revenante post promeno kun Melanio, mia maljuna vartistino, mi eniris, kiel kutime, la ĉambron de mia patrino kaj tie flaris odoron, kiun mi ne kapablis rekoni, kaj kiun naskis, kiel mi ekscíis nur poste, karbofumo, odoron nek akran aŭ sufokigan, sed subtilan, insidan, naŭzan, kiu tamen ne tedis min, ĉar rilate al flarsento, mi tiam estis pli simila al la hundeto Ker ol al S. Robert de Montesquiou, la poeto de l' parfumoj. Nu, samtempe kiam tiu odoro nekonata aŭ pli ĝuste miskonata de mi tiklis mian mallertan nazon, mia kara panjo, demandinte min pri mia konduto dum la promeno, metis en mian manon specon de stangeto smeralde verda, longa kiel klingo de deserttranĉiloj sed multe pli dika, tute brilega pro sukero, kaj kiu aspektis por mi kiel mirinda frandaĵo plena de l' ĉarmo de l' nekonato; mi estis ankoraŭ nenion similan vidinta.

— Gustumu, diris mia patrino, tio estas bonega.

Tio estis bonega, efektive. Tiu stangeto, kiam oni en ĝin mordis, disiĝis je sukeritaj fibroj kun gusto vere agrabla kaj pli delikata ol ĉiuj sukeraĵoj kaj frandaĵoj ĝis tiam gustumitaj de mi.

Kaj tiu planto tiom dolĉa sonĝigis min pri la fruktoj de la regiono, kie fluas riveretoj el ribsiropo tra karamelaj rokoj, kvankam verdire mi kredis tiom malmulte al la feliĉega lando, kiom Virgilo al la elizeaj kampoj admirataj de l' Grekoj,

*Quamvis elyzios miretur Graecia campos;*

sed mi plezuriĝis, kiel Virgilo, per ravigaj imagoj, kaj mia spirito miregis, ignorante la preparon, kiun angelika tigo ricevas de sukeraĵistoj por farigi plaĉa por la palato. Ĉar tiu smeralda stangeto tiom ĝuiga ne estis alio ol angelika peco donacita al mia kara panjo de sinjorino Caumont, kiu estis ricevinta el Niort tutan keston da ĝi.

Je kelkaj tagoj de tiam, same revenante post promeno kun mia bona Melanio, mi flaris en la ĉambro de mia patrino tiun specialan odoron de fumo, dolĉetan kaj insidan, kiun mi estis flarinta vidante angelikon la unuan fojon, kaj kiun mi opiniis odoro de angeliko.

Mi kisis mian karan panjon kun akurato kutima. Ŝi demandis, ĉu mi bone amuziĝis dum la promeno, kaj mi respondis jese; ĉu mi ne tro turmentis Melanion, kaj mi respondis nee. Kaj plenuminte mian filan devon mi atendis, ke panjo donos al mi angelikan pecon. Ĉar ŝi estis repreninta sian brodaĵon kaj ne ŝajnis preta fari la plaĉan geston, kiun mi atendis, mi decidiĝis postuli mian angelikon, kion mi faris neplezure, tiom granda estis la ofendiĝemo de mia animo. Panjo levis la okulojn de sia laboro, rigardis min iom surprize kaj diris, ke ŝi ne havas da ĝi.

Prefere ol suspekti ŝin je mensogo, eĉ negrava, mi pensis, ke ŝi ŝercas kaj prokrastas la plenumon de mia deziro, ĉu por pliigi ĝin, ĉu obeante tiun malbonan kutimon, kiun havas la seriozaj personoj, ĝui pro la malpacienco de l' hundoj kaj de l' infanoj.

Mi petegis ŝin doni mian angelikon. Ŝi rediris, ke ŝi ne havas angelikon, kaj videble ŝi parolis senŝerce. Certa, ve! pri la atesto de miaj sentumoj, kaj pri la klero de mia prudento, mi respondis sentime, ke estas angeliko en la ĉambro, ĉar mi ĝin flaras.

La historio de l' sciencoj abundas je ekzemploj de simila eraro; kaj la plej famaj geniuloj de l' homaro ofte trompiĝis sammaniere, kiel malgranda Petro Mozière. Peĉjo aljuĝis al lu materio ian propraĵon apartenantan al alia materio. Estas en la fiziko kaj en la kemio leĝoj tiel malpravigeblaj, kiujn oni respektas kaj respektos ĝis ilia malfrua nuliĝo.

Tiuj pripensoj ne eniris en la spiriton de mia kara panjo, kiu levis la ŝultrojn kaj nomis min stultuleto. Mi koleris kaj klarigis, ke mi ne estas stultuleto, kaj ke estas angeliko ĉar mi ĝin flaras, kaj ke ne estas dece por patrino mensogi al sia knabeto. Aŭdante tiun riproĉon, mia patrino rigardis min profunde surpriza kaj ĉagrena. Mi estis subite konvinkita per tiu rigardo, ke mia kara panjo ne estis trompinta min kaj ke spite la ŝajno ne estas angeliko en la domo.

Tiel, tiun fojon, mia koro klerigis mian prudenton. Mi volus konkludi el tio, ke ĉiam oni devas direkti sin laŭ la konoj de l' koro. Tio estus la instruo de tiu ĉi historieto; la bonanimuloj tion ĝuadus. Sed oni devas diri la veron, eĉ riskante malplaĉi. La koro trompiĝas kiel la spirito; ĝiaj eraroj ne estas malpli malfeliĉigaj, kaj oni pli malfacile liberiĝas je ili pro la dolĉeco kun ili miksita.

II

### Genion rekompencos maljusto

Genion rekompencos maljusto kaj malŝato; mi tion frue spertis. Je la kvarjara aĝo, mi arde desegnis; sed tute ne inklina figuri ĉiujn objektojn sin montrantajn antaŭ miaj okuloj, mi unike desegnis soldatojn. Verdire mi ne desegnis ilin laŭnature; la naturo estas komplika kaj ne facile imitebla. Mi ankaŭ ne desegnis ilin laŭ la Epinal-bildoj, kiujn mi aĉetis po unu soldo ĉiu peco. Tie estis ankoraŭ tro da linioj en kiuj mi estus perdiĝonta. Mi havis kiel modelon la pli simplan memoraĵon de tiuj bildoj. Miaj soldatoj konsistis el rondo por la kapo, streko por la korpo, kaj po unu streko por ĉiu brako kaj ĉiu kruro. Linio zigzaga kiel fulmo figuris la pafilon kun la bajoneto, kaj tio estis esprimoplena. Mi ne enirigis la kepon sur la kapon; mi ĝin metis super por montri mian tutan scion kaj speciale samtempe la formon de l' kapo kaj tiun de l' kapvesto. Mi desegnis grandan nombron da ili laŭ tiu stilo, komuna por ĉiuj infanaj desegnaĵoj. Estis, se oni volas, skeletoj, kaj eĉ tre sendetalaj. Tiaj, miaj soldatoj aspektis al mi sufiĉe bone faritaj. Mi ilin desegnis per krajono, malsekigante treege la grafiton por pli nigre marki. Mi estus preferinta desegni per plumo, sed la inko estis malpermesata al mi, pro timo de l' makuloj. Tamen mi estis kontenta je mia verko kaj opiniis min talenta. Mi estis baldaŭ mirigonta min mem.

Iun vesperon, memorindan, mi desegnis sur la tablo de l' manĝoĉambro, kies manĝilaron Melanio ĵus forigis. Estis dum vintro; la lampo, vestita per ŝirmilo verda kun Ĉinoj, lumigis mian paperon per varmaj radioj. Mi jam estis desegninta kvin aŭ ses soldatojn, laŭ mia kutima maniero, kiun mi uzis facile. Subite, per genia eltrovo, mi ekhavis la ideon prezenti la brakojn kaj krurojn ne nur per sola streko, sed pere de du paralelaj linioj. Mi ricevis tiel surfacon, kiu donis iluzion pri realo. Ĝi estis la vivo mem. Mi restis ravita. Dedalo, kiam li kreis statuojn marŝantajn, ne estis pli kontenta pri la laboro de siaj manoj. Mi estus povinta serĉi, ĉu mi estas la unua, kiu imagas tian artaĵon, kaj ĉu mi ne estas jam vidinta ekzemplojn de tio. Sed pri tio mi ne pripensis. Mi serĉis nenion, kaj kun malfermegitaj okuloj, kun longege eltirita lango,

malsprite, mi admiris mian verkon. Poste, ĉar estas nature, ke la artistoj proponas sian verkon al la admiro de l' homoj, mi aliris al mia patrino, kiu legis libron, kaj montrante al ŝi mian makulitan paperon, mi kriis:

— Rigardu!

Vidante, ke ŝi neniel atentis la montraĵon, mi metis mian soldaton sur la libron, kiun ŝi legis.

Ŝi estis paciencega.

— Estas tre bone, diris ŝi milde, sed per tono, kiu montris, ke ŝi ne sufiĉe konscias la progresegon, kiun mi jus estis farinta en la desegnarto.

Mi ripetis plurfoje:

— Panjo, rigardu!

— Bone, mi vidas. Lasu min trankvila.

— Ne! vi ne vidas, panjo!

Kaj mi volis forpreni la libron, kiu deturnis ŝin de mia ĉefverko. Ŝi malpermesis al mi tuŝi tiun libron per miaj malpuraj manoj. Mi kriis malespere:

— Ĉu vi do ne vidas!

Ŝi konsentis vidi nenion kaj ordonis al mi silenti.

Indigna pro tia blindeco kaj tia maljustaĵo, mi piedfrapis, mi ekploregis, kaj mi pecŝiris mian ĉefverkon.

— Kiom nerva estas tiu infano! sopiris mia patrino.

Kaj ŝi ekkuŝigis min.

Mi suferis pro malbela malespero. Pripensu do! Esti farinta en la artoj grandegan antaŭenpaŝon, esti kreinta rimedon miregindan por esprimi la vivon, kaj kiel sola salajro kaj sola gloro, esti sendata al la lito!

Malmulte da tempo post tiu malfavoro, trafis min alia, kiu ne estis malpli kruela. Jen en kiu okazo: Mia patrino estis sufiĉe frue lerninta al mi formi bonete la literojn. Ĉar mi sciis iom skribi, mi pensis, ke nenio malhelpas, ke mi verkos libron. Mi komencis, sub la rigardo de mia kara panjo, malgrandan traktaĵon teologian kaj moralan. Mi ĝin komencigis per tiuj vortoj: „Kio estas Dio...“ kaj tuj mi portis ĝin al mia patrino por demandi al ŝi, ĉu tio taŭgas. Mia patrino respondis, ke tio estas taŭga, sed ke ĉe la fino de tiu frazo mi devas skribi demandan punkton. Mi petis pri la signifo de demanda punkto.

— Ĝi estas, diris mia patrino, signo, kiu montras, ke oni demandas iun, ke oni deziras respondon. Oni ĝin metas post ĉiu demanda frazo. Vi devas skribi demandan punkton, ĉar vi demandas: „Kio estas Dio?“

Mia respondo estis fiera:

— Mi pri tio ne demandas. Mi tion scias.

— Tamen jes! vi demandas pri tio, infano mia.

Mi ripetis dudekfoje, ke pri tio mi ne demandas, ĉar mi tion scias, kaj mi nepre rifuzis skribi tiun demandan punkton, kiu aspektis al mi kvazaŭ signo de nescio.

Mia patrino riproĉis al mi vigle mian obstinon kaj diris, ke mi estas nur malspritulo.

Mia verkista memamo suferis, kaj mi respondis per ia malrespektaĵo, pro kiu mi devis pentofari.

Mi ja aliiĝis multe de tiam; mi ne plu rifuzas skribi demandajn punktojn je ĉiuj lokoj, kie estas kutimo meti ilin. Mi eĉ estus inklina desegni tre grandajn tiajn signojn fine de ĉio kion mi skribas, de ĉio kion mi diras, kaj de ĉio kion mi pensas. Mia bedaŭrata patrino, se ŝi vivus, eble dirus al mi, ke nun mi skribas tro da ili.

El la Franca lingvo.
Trad.: *G. Stroele.*

---

# Al la junaj artistoj

de **Auguste Rodin**

Auguste Rodin, Franca skulptisto, 1840–1917, estas mondkonata artisto. Liaj simbolaj kreaĵoj el bronzo aŭ marmoro vivigas sentojn kaj animojn. Novemulo unue akre kritikita, li fine ĉies konfesigis sian genion, kaj ĉiuj nuntempaj skulptistoj estas iel inspirataj de liaj artaj ideoj.

Amu fervore la majstrojn, kiuj antaŭvivis vin. Kliniĝu antaŭ Phidias kaj Michel Angelo. Admiru la dian ĝojon de la unua kaj la seriozan malkvietecon de la dua. Admiro estas bonega vino por la noblaj spiritoj. Sed evitu imiti viajn mastrojn! Kun la tuta respekto ŝuldata al la tradicio, sciu trovi la sugestojn, kiujn ĝi kaŝas: la amo al la naturo kaj la sincereco. Jen ambaŭ fortaj pasioj de l' geniuloj. Ĉiuj adoris la naturon kaj neniam ili mensogis. La naturo estos via sola diino. Por la artisto ĉio estas bela, ĉar en ĉiu vivaĵo kaj en ĉiu objekto, lia sperta rigardo malkovras la karakteron, la internan verecon, kiu aperas tra la formo.

Kaj tiu vereco estas la beleco mem. Laboru kun granda kuraĝo kaj fervoro. Estu veramaj, junuloj! Tio ne signifas: estu precizaj laŭ supraĵa senco. Ekzistas vulgara ekzakteco, tiu de l' fotografaĵo kaj tiu de l' kopio. La arto komenciĝas nur je la interna vereco. Ĉiuj niaj formoj, ĉiuj niaj koloroj devas esprimi sentojn. La artisto, kiu limigas sin je reprodukto de kelkaj detaloj neinteresaj, estos neniam majstro. Estu funde, forte sinceraj, neniam hezitu esprimi, kion vi sentas, eĉ se vi tiel kontraŭiras la kutiman opinion. Eble vi ne estos komprenataj tuj. Ne timu resti solaj. Amikoj baldaŭ venos al vi. Ĉar kio estas funde vera por iu, tio ankaŭ estas tia por ĉiuj. Kaj neniam sukcesis altiri la publikon tio, kio estas kontraŭ la naturo. Simpleco, naiveco, jen kio sukcesas. La ĉefafero estas intime emociiĝi, ami, esperi, vibri, vivi. Estu homo antaŭ ol esti artisto! La vera elokventeco mokas la elokventecon, diris Pascal. La vera arto mokas la arton. La artisto proponas grandan ekzemplon. Li adoras sian metion. Lia plej bona salajro estas la ĝojo bone labori. La mondo estos bona nur kiam ĉiuj homoj havos animon de artisto, tio estas kiam ĉiuj trovos kontentecon en sia laboro. La arto estas, fine, mirinda instruo pri sincereco. La vera artisto ĉiam esprimas tion, kion li sentas, eĉ riskante renversi la tradiciajn antaŭjuĝojn. Per tio li instruas sincerecon al la aliaj homoj. Kaj kiaj mirindaj progresoj estus realigeblaj, se la nepra amo al vereco regus inter la homoj.

El la Franca lingvo.
Trad.: *G. Stroele.*

---

# Adiaŭa saluto al insulo Márken

*Ondiĝas la maro, muĝegas la vent',*
*Sed mian ŝipeton en fluo*
*Ne povas timigi la element',*
*Ĉu vento aŭ ondoj kun bruo.*

*Kaj post mi en griza nebulo la bord'*
*De l' hejma insul' malaperas.*
*Di' gardu Márken, malbona de sort',*
*Al Dia Patrin' mi esperas.*

*Kaj se ne revenos plu mia ŝipet',*
*Kaj estos sur fund' mia fino:*
*Adiaŭ Márken, adiaŭ domet',*
*Adiaŭ vi, sanktvirgulino!*

Laŭ malnova Nederlanda kanto.
Trad.: *Zanoni.*

# Novaj perspektivoj

V

La kampo de la praktikaj aplikoj de Esperanto estas vasta, sed en la nuna tempo multaj ne estas realigeblaj pro la necerteco de la ĝenerala situacio, la malfacileco de la internaciaj komunikoj kaj la akreco de la interpopolaj luktoj, al kio oni ankoraŭ aldonu ĉe ni la mankon de sufiĉaj monrimedoj kaj de temphavantaj laborantoj. Tamen la malhelpoj ne estas tiaj, ke nenio estas farebla. Ni ne intencas nun detale priparoli ĉiujn servojn fareblajn per Esperanto, sed nur skizi ĝeneralan laborprogramon, neniel pretendante elĉerpi tiun riĉan temon.

Antaŭ ol elpensi novajn aplikojn, oni devas unue restarigi tiujn, kiuj estis jam sukcese faritaj antaŭ la milito. La lasta statistiko farita de UEA montris, ke en la jaro 1913 niaj Delegitoj estis plenumintaj 13,760 servojn por la membroj, inter kiuj 4239 pri turismo, 3710 pri komerco, 524 pri junuloj kaj studentoj kaj 5287 diversaj. Tiuj ciferoj atestas, kiom utila jam povis esti nia lingvo. Dum la milito, la kutimaj statistikoj ne estis fareblaj, sed multaj servoj estis plenumitaj favore al la militviktimoj, kaj UEA certe ne estis malpli utila dum tiu periodo.

La unua paŝo por la restarigo de la pactempaj servoj de UEA estas la publikigo, nun prizorgata, de korektita Adresaro de la Delegitoj. UEA vigle klopodos, ke pligrandiĝu la nombro de la Delegitoj en ĉiuj landoj; ju pli multaj ili estos, des pli utila nia Asocio. En tiu rilato progresoj estas nepre farindaj. Estas pli grave, ke ekzistu Delegitoj en multaj urboj, eĉ se en ĉiu estas nur areto da Esperantistoj, ol granda nombro da Esperantistoj nur en kelkaj lokoj. La propagandaj organizajoj ne sufiĉe atentas pri tio.

Multaj aplikoj de Esperanto estas faritaj kaj fareblaj en la *turismo*. Nuntempe la ekonomiaj kondiĉoj tre maloftigas la plezurvojaĝojn, sed ili espereble revenos. Aliparte la afervojaĝoj ne ĉesis kaj plimultiĝos post la subskribo de la paco. Granda nombro da samideanoj jam spertis, kiom utila al vojaĝantoj estas Esperanto. Tiun utilecon oni ankoraŭ povus pligrandigi se en la gravaj urboj oni penus Esperantistigi unu aŭ kelkajn personojn po ĉiu profesio utila al vojaĝantoj, ekz. fervojistoj, tramistoj, doganistoj, hotelistoj, policanoj, k. a.

Antaŭ la milito kelkaj turismaj regionoj eldonis gvidlibron en Esperanto. Kiam la ĝenerala situacio estos plibonigita, la klopodoj por altiri la fremdulojn ne estos malpli grandaj, kaj kredeble novaj regionoj pretendos konkeri la favorojn de la publiko. La eldonado de Esperantaj gvidlibroj estu tiam priklopodata.

Esperanto povas ankaŭ esti utila al *junuloj* kaj *studentoj*, kiuj deziras kompletigi siajn studojn eksterlande. Interŝanĝo de junuloj, eldono de universitataj informiloj, stipendioj por vojaĝoj per Esperanto estas studindaj; antaŭ la milito kelkaj provoj estis faritaj en tiu rilato kaj meritas esti rekomencataj.

Interesajn eksperimentojn faris niaj Britaj samideanoj pri la instruado de Esperanto al *infanoj*. Sed por ke tiu agado donu bonajn fruktojn, estas necese, ke oni ĝin imitu alilande, tiel ke la infanoj estu daŭre interrilatigeblaj; la internacia interŝanĝado de poŝtkartoj kaj korespondaĵoj estu forte subtenata, por ke la infanoj instruitaj pri nia lingvo uzu ĝin kaj tiru el ĝi plezuron; se ne, ili ĝin forgesos tiel rapide kiel ili ĝin lernis. La kreo de facile legebla porinfana literaturo estas dezirinda, kiel ankaŭ la enkonduko de nia lingvo en la skoltajn grupiĝojn. Sin okupante pri la utiligo de Esperanto al la infanoj, oni ne forgesu, ke ĝi estas ne nur lingvo, sed ankaŭ ilo por la realproksimigo de la popoloj. Per la infanoj, kies animo ne estas ankoraŭ tro difektita de la malsaĝaj homaj antaŭjuĝoj, ni povas progresigi tiun ideon pli rapide ol per maturaĝuloj, kies pensmaniero jam estas fiksita.

La *komerco* estas fako, por kiu L. I. ja estus tre utila kaj vere ŝpariga, sed ĝuste ĉar la multlingveco estas per si mem grava baro, la grandaj komercaj entreprenoj jam sin aranĝis tiel, ke ili per plimalpli trafaj rimedoj ne estu tro ĝenataj de ĝi. La komercaj profitoj atingeblaj per Esperanto ne estas ankoraŭ sufiĉaj, por ke ni povu per ili allogi tre gravajn firmojn. Pli rapidan rezulton ni povas atingi ĉe la mezgrava komercistaro. Ĉiuokaze por daŭre interesi la komercistojn al nia lingvo, oni devas pruvi, ke ĝi estas utila en oftaj okazoj. La Delegitoj de UEA jam povas fari ŝatindajn servojn, nia Asocio studas novan planon por faciligi la uzadon de nia lingvo por komercaj servoj. Por la propagando ĉe komercistoj, fondiĝis en Britio kaj poste en kelkaj aliaj landoj komitatoj por komuna komerca lingvo; ili povus ludi utilan rolon, sin okupante ankaŭ pri la disvastigo kaj diskonigo de la enlandaj komerco kaj industrio per eldonado de reklamiloj, gazetoj, monografioj en Esperanto.

Tio ĉi nin kondukas al la demando pri la utiligo de Esperanto por *naciaj interesoj*. Ĝi estas fruktodona kampo, ĝis nun ne multe prilaborita. Ĉiu scias, ke estas tre malfacile ricevi de registaroj aŭ de gravaj naciaj organizajoj monhelpojn por la propagando de Esperanto, ĉar ili interesiĝas nur pri naciaj aferoj kaj tre malmulte pri internaciaj kulturprogresoj. Sed la sperto pruvas, ke ili pli facile monhelpas, se oni povas montri al ili praktikan manieron utiligi Esperanton por la naciaj interesoj. Imitindan ekzemplon montris lastatempe nia agema samideano Krestanov, eldonante, kun oficiala monhelpo, verkon pri la Bulgara lando kaj popolo, per kiu li konigas al eksterlandanoj sian patrolandon el ekonomia, historia kaj kultura vidpunktoj. Baldaŭ sekvos broŝuro pri la diversaj nesufiĉe konataj popoloj de la antaŭa Rusa regno, parte eldonita kun monhelpoj de la koncernaj misioj de tiuj novaj ŝtatoj. Tiuj ekzemploj montras al ni interesan aplikon de Esperanto. Estus altgrade dezirinde, ke la naciaj Esperantistaj societoj sin okupu ne sole pri la propagando de Esperanto en sia lando, sed ankaŭ pri la diskonigo de sia lando per Esperanto. Ili klopodu por ricevi, ĉu de la registaroj, ĉu de gravaj naciaj societoj monhelpojn, por eldoni informlibron pri la komerco, la industrio, la institucioj, la historio de sia nacio, kaj se eble regulan gazeton en Esperanto, per kiu la eksterlandanoj estos daŭre informataj pri la ekonomia kaj kultura vivo de la lando, pri ĝiaj bezonoj kaj aspiroj. Sumo da kelkmiloj da frankoj jare estas ja ne grava ofero por registaro aŭ organizajoj, kiuj elspezas tiom altajn sumojn por propagandaj celoj, kaj ĝi permesus eldoni bone informitan kaj interesan du- aŭ trimonatan revuon, preskaŭ senpagan, kiu efike reklamus eksterlande por la lando kaj avantaĝe anstataŭus la nunajn naciajn Esperantajn gazetojn, kiuj pro manko de monrimedoj ne povas esti sufiĉe gravaj kaj interesaj. La eldonaĵoj, pri kiuj ni aludas, kompreneble ne devas havi tro politikan tendencon. La Esperantistoj, kiuj sin okupos pri tio, ne forgesu, ke ili estas Esperantistoj. Laŭdinde estas konigi la belaĵojn de sia lando, sed oni tion faru en formo ofenda al neniu kaj ne polemika. La plej bona maniero propagandi por sia nacio estas konigi ĝian laboron, ekonomian kaj kulturan, ne ĝian politikon. Tiuj aplikoj verŝajne pli facile sukcesos en la novaj orientaj landoj ol en la okcidentaj jam konataj nacioj. Ĉiuokaze tiu kampo estas pluginda. Kiu komencos?

El la sama vidpunkto ankaŭ rekomendinda estas la aranĝo de propagandaj paroladvojaĝoj per Esperanto. Antaŭ la milito nia Usona samideano Parrish faris tra tuta Eŭropo sukcesan paroladvojaĝon por konigi Kalifornion. Aliaj intencis aranĝi similan entreprenon favore al sia lando, kiam eksplodis la milito. Tuj kiam pli facila vojaĝado estos ebla, oni rekomencu. Kompreneble, por tion fari, monhelpoj estas necesaj, sed kiel dirite, registaroj aŭ gravaj naciaj organizajoj pli volonte mondonos por tia celo ol por la propagando de Esperanto. Ni esperu, ke post kelka tempo rondvojaĝos inter la Esperantistaro paroladistoj, kiuj per Esperanto instruos la publikon pri le belaĵoj de Ĉeĥoslovakio, de Ukrajnio, de Finnlando,

de Georgio, k. a. Tiaj paroladoj, se ili okazas sufiĉe ofte, pli konvinkas la popolon pri la praktikeco de Esperanto ol multaj prelegoj pri la teoria problemo de L. I. Marŝante oni pruvas la movon; uzate Esperanto pruvu sian ekziston.

Kiel oni utiligas nian lingvon por naciaj interesoj, tiel same oni utiligu ĝin por internaciaj interesoj de la *ideaj movadoj* kaj de la *profesioj*. Ekzistis ĉe la katolikoj sufiĉe prospera Esperanto-movado, kiun tre domaĝis la milito; niaj Britaj samideanoj nun penas enkonduki Esperanton ĉe Anglikanaj rondoj. Similaj klopodoj estus dezirindaj ĉe aliaj nuntempaj movadoj, ekzemple ĉe la socialistoj, en kies vicoj nia lingvo estas ankoraŭ tute ne sufiĉe konata kaj ŝatata. Aliparte, ekzistas en la Esperantistaro reprezentantoj de ĉiuj profesioj. Multaj povus internacie organiziĝi kaj dank' al tio utiluzi Esperanton por siaj profesiaj interesoj. Fondi taŭgan gazeton estas konsilinde, nur se oni posedas sufiĉe da monrimedoj por ĝin daŭre eldoni, sed oni almenaŭ publikigu internacian adresaron, dank' al kiu la diverslandaj samfakanoj povos interrilati. Internacia agado ĉe sampartianoj aŭ samprofesianoj estas ofte malfaciligata pro la manko de taŭga administra centro. Ni esperas, ke post kelka tempo UEA povos meti sian organizon al la dispono de tiuj grupiĝoj, tiel ke ili povu pli oportune funkcii internacie, kvankam konservante plenan memstarecon.

* * *

Estus facile plimultigi la ekzemplojn pri la utiligo de Esperanto, sed eĉ se nur parto de la supre skizita laborprogramo estus sisteme realigata, nia afero jam farus grandan paŝon antaŭen. La necesa fundamento por ĉiuj aplikoj de Esperanto estas la stabileco de la lingvo kaj sento pri la praktikaj necesaĵoj kaj eblaĵoj. La plej grandaj malamikoj de L. I., kvankam senkonsciaj, estas la personoj, kiuj ĝin blinde propagandas aŭ kiuj senĉese volas ĝin ŝanĝi. Feliĉe ni konstatas, ke la granda plimulto de niaj samideanoj sin pli kaj pli liberigas de tiuj egale danĝeraj pensmanieroj kaj enpaŝas sur la sola vojo, kiu povas konduki al daŭraj kaj konkretaj sukcesoj: la vojo de la praktikaj aplikoj.

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*

## Inter ni

*Ofte ni sopiras pri milionulo el Nord-Ameriko por subteni nian Esperanto-movadon. „Kion ni povus efektivigi se nur monon ni havus!" Jen kutima frazo ĉe niaj grupoj. Prave ni sopiras, sed pli prave ni agus. Trovi milionulon estas eble pli malfacile ol trovi milionon. Kiel faris la registaroj por elspezi nekalkuleblajn sumojn en la milito? Ĉu ili serĉis milionulojn? Kiel sukcesas tutmondaj eklezioj aŭ Savarmeo por pli pacaj celoj? Per ĝeneralaj impostoj kaj ĉies donacetoj aŭ kotizaĵoj ili laboras.*

*Tian metodon ni devas uzi pli vaste nun anstataŭ atendadi vane pri revita riĉulo. Stranga fenomeno: la vivado fariĝis pli multekosta ĉiumaniere kaj ĉiuflanke; kun vera malfacileco multaj el ni baraktas por ekzisti kaj tamen neniam mono estis pli donebla; ĉar ĝia valoro malpligrandiĝis, oni kutimas nun elspezi ĝin preskaŭ sen bedaŭro.*

*Pri la estonto neniu povas esti certa. Povas okazi, ke novaj revolucioj neniigos per dekretoj ĉiujn enbankaĵojn. Kio estos pli ŝatinda tiam, ĉu perdita kapitalo aŭ bone starigita Esperantista movado?*

*Se cent mil amikoj de nia afero nun oferdonus po dek frankoj, jam la revitan milionon ni posedus kun devo ĝin tuj elspezi praktike. Ĉiuj naciaj societoj devus dungi du aŭ tri junulojn por trakuri la landon, farante kursojn kaj fondante novajn grupojn. Ankaŭ publikan agadon ni devus organizi por krei ĝeneralan opinian movadon kaj influi la novajn oficialajn reprezentantojn de l' popoloj. Monkolektado prosperus samtempe kun propagandaj vizitoj.*

*Nun sonas la horo por pretigi la grandajn antaŭenpuŝojn. Danke ni ricevos ĉi tie la proponojn kaj praktikajn ideojn, kiujn oni bonvolos skribi al ni pri tiu temo. Kiu estas preta helpi?*

*Edmond Privat.*

## KRONIKO

La komunikoj por la kroniko estu sendataj ĉiumonate *antaŭ la 20ª*. Oni bonvolu ilin redakti kiel eble plej koncize.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* Esperanto; *Esp-isto* Esperantisto; *L. I.* lingvo internacia; *prez.* prezidanto; *vicprez.* vicprezidanto; *sekr.* sekretario; *kas.* kasisto; *rev.* revizoro; *bibl.* bibliotekisto; *l.* lernanto; *m.* membro; *p.* persono.

### Aŭstrio.

*Graz*: Vigla agado rekomenciĝas. Oni malfermis Esp. Oficejon (Schönaugasse 6, II.). — *Leoben*: Post alvoko de S-ro H. Zawichowski en loka gazeto, 15 Esp-istoj anoncis sian aliĝon al refondota grupo. — *Wien*: Societo „Danubio" havis sian estrarkunsidon. Oni fondis interŝanĝan sekcion. La lasta ĉiujara amuzvespero estis vizitata de pli ol 150 gastoj. La instruistaro estis invitata por interkonsiliĝi pri memorskribo al la instru-ministro koncerne la enkondukon de Esp. en la lernejojn. S-ro direktoro Jos. Schamanek parolis pri la historio kaj disvastiĝo de Esp. La „Zamenhof-Societo" sukcesis interesigi por Esp. la gravan „Instituto por kulturesplorado" (Molkerbastei 10), kiu celas la ekkonstruon de nova internacia kulturo. Ĝi preparas ankaŭ eldonaĵojn en Esp. Favora al Esp. estas la „Tutmonda Junulara Ligo" (sama adreso). La Esp-istaro estas petata montri al la ligo, ke Esp. vivas kaj floras, per ondego de kartoj kaj leteroj.

### Bohemio.

*Bodenbach*: La socialista gazeto „Volksfreund" enhavas kiel ĉefartikolon la tradukon de l' artikolo „Kapitalo kaj Laboro", presita en nia februara N-ro. — *Hradec-Králové*: Publika kurso por komencantoj. S-ro Sklenĉka, Del., instruas 47 p. — *Nimburk*: La kluba prez., S-ro Alois Vesely, aranĝis kurson kun 80 p.; instruas S-ro Josef Ŝilhart. — *Olomouc*: Okazis datrevena festkunveno por honoro de D-ro Zamenhof, dum kiu paroladis S-roj Kudela, Mastný kaj Wolf. — *Plzen*: La ligo de komercaj komizoj aranĝis kurson, antaŭ kiu S-ro Fr. Novák paroladis. La kurson partoprenas 21 p. Ĝin gvidas S-ro Jos. Pech. — *Praha*: „Rondeto de Esp-istinoj" aranĝis okaze de la datreveno de la morttago de nia Majstro publikan paroladon de sia prez., F-ino J. Šupichová. S-ro redaktoro F. Weiner diris ankaŭ kelke da vortoj pri D-ro Zamenhof.

### Britio.

*Bournville*: La revuo „The Bournville Works Magazine" publikigis artikolon pri Esp. — *Burnley*: La lasta dancado, ĉeestita de pli ol 400 p., donis al la grupo monprofiton da £ 22. — *Cheltenham*: La 19ª konferenco de la Mezlanda Federacio okazis; ĉeestis delegitoj el Birmingham, Coventry, Bury, Kettering, Leicester, Norwich kaj Rhondda, sub la prezido de L-to K-lo Farrant. — *Coventry*: La grupo reviglíĝas. Kurso kun 8 p. — *Edinburgh*: Ĉe Royal High School stariĝis Esp. somera kurso. Oni efike propagandis ĉe granda knaboskolta festo. — *Glasgow*: Dum kunveno de la Skota Federacio, la prezidanto D-ro J. Boyd Primmer legis leteron de S-ro Arthur Henderson, delegito ĉe la socialista kongreso en Bern, kiu diras, ke tie mankis tempo por diskuto pri L. I., sed la Brita laborista partio intencas sin okupi pri tiu demando. La 14ª Skota kongreso okazos ĉi tie la 28 junio. La Skota Federacio skribos, laŭ decido, al la komitato por la Ligo de la Nacioj proponante Esp. kiel oficialan

lingvon. — *Partik:* S-ro Luyken faris Esp. predikon, en ĉeesto de 27 Esp-istoj. — *London:* Okazis la tria propaganda kunveno de la Ilford'a grupo, kun ĉ. 80 p. La skoltestro S-ro Ross paroladis, rekomendante Esp. al la skoltoj. La vesperfesto, arangita de S-ino Blaise, estis tre agrabla. Ĉeestis 56 gastoj, kiujn nia bonhumora Harrison Hill feliĉigis per siaj kantoj kaj ŝercoj.

## Bulgario.

*Karlovo.* La grupo eldonis propagandajn kartojn. — *Kneja:* En tiu granda Bulgara vilaĝo fondiĝis grupeto. — *Russe.* La grupo restariĝis. — *Sofia:* Oni atendas baldaŭan aperon de „Bulgara Esperantisto" redaktota ambaŭlingve. Esp. vivas kaj tre disvastiĝas en la tuta lando. — *Ŝumen:* La grupo reviviĝis. — *Varna:* La grupo revigligis. — *Vidin:* Dank' al S-ro Vl. Lazarov, la grupo progresas. Kurso bone sukcesis.

## Estonio.

*Tallinn* (Reval): Estas fondita grupo; la Esp. vivo rekomenciĝis.

## Francio.

*Angers:* Kursoj ĉeestataj de 15 p. — *Béziers:* La grupo ree agas. — *Bordeaux:* La grupo revigliĝas. — *Lille:* S-ro F. Durieux sukcesis varbi dum la Germana okupado novajn amikojn de nia movado, i. a. D-ron Vanverts, el la Medicina Fakultato, kiu fariĝis fervora Esp-isto. — *Lyon:* La laborista grupo daŭrigas sian korespondan kurson, kun tre atentindaj rezultatoj. La „Cercle Lyonnais" organizis propagandon dum la foiro. Oni disvendis lernolibrojn. *Marseille:* S-ro Maurin k. a. propagandas precipe inter la socialistoj. Kurso okazas ĉe la sindikato de l' komercoficistoj. Propagando ankaŭ inter la instruistoj. — *Montehéry:* S-ro Laurain gvidas kurson al siaj lernantoj en la liceo. Imitinda ekzemplo! — *Paris:* La kunvenoj daŭras ĉiumonate ĉe la Centra Oficejo, kie ĉeestas ĉiam eksterlandaj samideanoj. S-ro E. Archdeacon parolis pri la disvolviĝo de aviado. La kurso-babilado de S-ino Cense regule funkcias. S-ro Glodeau gvidas kurson ĉe la Bellevilloise. Alia kurso ĉe la Sindikatdomo, ĉe kiu advokato Duplan faris malferman paroladon pri Esp. kiel interrilatigilo por la laboristaj klasoj. — *Périgueux:* La grupo ageme laboras, speciale inter lernejinfanoj kaj laboristoj. — *Toulouse:* Dank' al S-ro G. Dumont kurso organiziĝis ĉe la socialista kaj sindikatista jurnalaro.

## Germanio.

*Adum:* S-ro Günzel parolis pri „Wilsona popolligo kaj mondlingvo"; kurso kun 15 p. — *Augsburg:* La Bavara Esp. Ligo ree vigliĝis. La nuna estraro konsistas el S-roj: D-ro A. Vogt, 1a prez.; D-ro R. Ledermann, 2a prez.; Karl Streckfuss, sekr.; Insp. Reber, kas. D-ro A. Vogt faris paroladojn en diversaj unua- kaj duagradaj lernejoj, el kiuj rezultis sep kursoj kun 150 p. La lokaj gazetoj enhavis kelkajn propagandartikolojn. Inter la socialistoj komenciĝis vigla propagando. D-ro Vogt parolis ankaŭ en la monaĥinejo de S-ta Ursula, kie nova kurso komenciĝos. — *Beuthen a. S.:* Okazis la unua kunveno de la Supersileziaj Esp-istoj, kie oni priparolis la reorganizon de la Esp. grupoj. — *Breslau:* S-ro Mielert komencis novan kurson por studentoj kaj gimnazianoj. — *Bromberg:* Okazis ĝenerala kunveno, dum kiu S-ro Pankratz kej Prof. Michling parolis memore al mortinta prez. S-ro Szymanowski. La plej bonaj kursanoj ricevos premiojn. — *Cassel:* Nova kurso kun 14 p. Okazis bone vizitita amuzvespero. — *Chemnitz:* Dum jarkunveno estis decidite transdoni la libraron de la Esp-istoj je dispono de la urba biblioteko por ĝin utiligi al pli granda legantaro. — *Cottbus:* Nova kurso komenciĝis. — *Dresden:* La grupo „Progreso" malfermis novan kurson por komencantoj. S-ro Kubenz paroladis pri „La Luzaca problemo". S-ro Nicolai gvidas kurson kun 10 p. La „Poŝta Esp. Unuiĝo" ĉiam vivas. Nuna estraro: S-ro W. Boersch, prez.; E. Seifert, dua prez.; M. Arnold, kas. — *Eisenach:* Publikaj koncerto kaj balo kun vigla propagando. Tri novaj kursoj komenciĝis. Oni preparas Esp. gvidlibron. — *Gera:* Nova kurso kun 8 p. — *Köln:* Dum kunveno S-roj Jung kaj Junker parolis pri D-ro Zamenhof kaj liaj lastaj tagoj en Köln survoje al Parizo. 500 ekz. de „Progreso" estis disdonitaj por propagando. — *Königsberg:* La socialista gazeto „Freiheit" enhavis artikolon pri Esp. de S-ro Franz Döring. Li instruas kvar fervore lernantajn blindulojn kun permeso de l' blinduleja direktoro. La sama faris propagandan paroladon en la socialista akademiana klubo. — *Lauter i. Sa.:* S-ro Büttner malfermis komencan kurson kun 7 p. Oni fondis grupon. — *Nicolassee:* S-ro Schmidt aranĝis Esp. ekzamenon kun 14 l. de la oriejo, dum kiu instruisto kaj lernantoj parolis nur Esp. Ĉeestis ankaŭ gastoj. — *München:* La Ligo aranĝis amuzan vesperon kun parolado, kiu, malgraŭ la politikaj cirkonstancoj, entute kontentigis. S-roj Koch, Meier kaj Tressel parolis. Nova kurso komenciĝis. — *Münster i. W.:* Nova kurso komenciĝis. — *Offenbach a. Main:* Lumbilda propagando kaj malgranda ekspozicio preparis paroladon de S-ro Kreuz, ĉeestita de 35 p. Nova kurso komenciĝis. — *Siegburg:* La grupo aranĝas konstantan leterkurson.

## Hispanio.

*Barcelona:* Okaze de la feliĉa reveno de nia konata Kataluna pioniro, S-ro Pujulá, estis organizita honora festeno. — *Manresa:* Prof. Josef Albazes faris prelegon pri „valoro de Esp." antaŭ gravaj personoj. Kursoj estas malfermotaj. — *Sabadell:* S-ro J. Riera paroladis pri la „internacia situacio de Esp." Okazis nekrologia festo je la memoro de nia plorinda Majstro. Estas malfermitaj novaj kursoj por fraŭlinoj.

## Hungario.

*Budapest:* La Esp. Tago aranĝita de la Propaganda Komitato de la L. I. bonege sukcesis. Krom la kunsidoj de la laborista, amatora kaj landa societoj kaj festmanĝoj, estis diversaj demonstraj promenadoj tra la urbo sub la verda flago kaj en teatro Esp. prezentoj, kantoj, deklamoj, k. t. p. de profesiaj geaktoroj. Ĉeestis multaj provincanoj. D-ro Lórand komencis kurson. Ĉefurba instruisto Badál fondis societon de Hungaraj Esp. Instruistoj. Oficiale uzis Esperanton en la lastaj monatoj: la ministerio de eksteraj aferoj, la scienca akademio, la scienca universitato, la socia muzeo, la ŝtata informa komitato.

## Italio.

*Bologna:* La Emilia Esp. Asocio reorganiziĝas kaj tuj post la packonkludo klopodos aranĝi kongreson de la Italaj Esp-istoj. Ĝia nuna prez. estas advokato T. Palmeggiani kaj sekr. S-ro Umberto Toschi. D-ro A. Tellini estas direktoro de la kursoj. Estas malfermita kurso sub la aŭspicioj de la urba komunumo. Ĝin gvidas D-ro Pietro Fredas. Aliaj urboj baldaŭ imitos. — *Pisa:* Sekve de kurso gvidata de S-ro F. Pizzi, estas fondita grupo. — *Stenico* (Trentino): S-ro Teresina Dipre gvidas kurson. — Esp. movado rimarkiĝas ankaŭ en *Genova, Sampierdarena, Firenze, Trieste, Trento, Palermo, Canicatti,* k. a.

## Nederlando.

*Oeffelt:* Dum la jarkunveno S-ro Smit entuziasme klarigis pri deveno, historio, utileco kaj facileco de nia helplingvo. — *Rotterdam:* Okazis la jarkunveno de „La Katolika Stelo". Por la 24 aŭgusto estas preparata grandioza festo okaze de la dekjara ekzisto de la „R. K. Nederl. Esperantistenbond Nederl. Katoliko". S-ro Schneiders faris tre interesan paroladon. Frato Amabilis priparolis sian manieron de instruado. — *'s-Hertogenbosch:* La kurseto gvidita de F-ino Lutkie donis bonajn rezultatojn. Okazis la jarkunveno de l' grupo, sub la prezido de S-ro Pastoor. Oni priparolis la rimedojn por pli vasta kaj taŭga propagando.

## Polio.

*Lodz:* En fino de julio okazos ĉi tie Pola Esp. Kongreso. — *Radom:* La movado vekiĝis dank' al S-ro L. Temersohn. — *Varsovio:* Okazis jarkunveno de Pola Esp. Societo, sub la prezido de S-ro Loth. La ĉeestantoj estis agrable surprizitaj de la alveno de

S-ino K. Zamenhof. Jena estraro estis elektita: A. Grabowski, prez.; D-ro V. Robin kaj Prof. E. Loth, vicprez.; Z. Greffkoviĉ kaj Koslecki, sekr.; Esigman, kas.; A. Zakrzewski, D-ro L. Zamenhof kaj inĝ. Tejchfeld, komitatanoj. Dum kunveno de P. E. S., dum kiu S-ro Greffkoviĉ kaj Prof. Czubrynski informis la publikon pri nuna stato de Esp. en la mondo. Esp. Ligo estas fondita. Dum instruista kongreso oni sukcese propagandis. La 14 aprilo sur la tombejo kolektiĝis grandamasa publiko, inter kiu multaj Esp. eminentuloj, venintaj honorigi nian karan Majstron. Estis metitaj de P. E. S. florkronoj en la nomo de ĉiuj Esp-istoj, post kio sekvis parolado de D-ro V. Robin. Je tiu tago speciale alveturis la filo de l' neforgesebla Majstro, D-ro Adam Zamenhof, kiu nun servas en la Pola armeo. S-ro Oberrotman parolis en P. E. S. pri Esp. dum milito kaj agado de UEA. Li fondis Esp. agentejon, kiu certe estos bona propagando en la komerco.

## Portugalio.

*Lisboa:* La nova Portugala Esp. Asocio kalkulas jam 70 m. kaj baldaŭ malfermos sekciojn en aliaj urboj. Du kursoj funkcias sub la gvidado de S-ro J. Pires Barreira kun multaj lernantoj.

## Rusio.

Laŭ la decido de la lerneja sekcio de la popola kleriga komisariato (ministerio) estas organizata komisiono por prilaboro de la demando pri nedeviga instruado de la L. I. Tiu komisiono havas la taskon prilabori la sekvantajn demandojn: 1e pri L. I.; 2e pri artefarita L. I.; 3e pri la ebleco de nedeviga instruado de la L. I. kaj pri la metodoj de instruado. Nuntempe la komisiono estas okupita per la studo de la sekvantaj demandoj: *a)* pri la stato de disvastiĝo de la diversaj sistemoj de L. I.; *b)* en kiuj limoj estas ebla la aplikado de la L. I. — En la komisiono partoprenas nia fervora samideano Evstifeieff kaj oni kredas, ke ĝia decido estos favora al Esp. La gazeto „Izvestja", oficiala organo de la sovjetregistaro, publikigas artikolojn pri Esp. kaj L. I.

## Svisio.

*Basel:* Dum la „Svisa specimenfoiro" estis arangita granda Esp. ekspozicio en la foirhaloj, kiu allogis milojn da vizitantoj. Konstante dejoris samideano kaj estas disdonitaj ĉ. 10,000 propagandiloj. Tra la stratoj marŝis homo kun granda plakato, instiganta al lerno de Esp., kaj el kelkaj fenestroj flirtis Esp. flagoj. Dum la ĉefvesperoj okazis duobla publika parolado de S-roj D-ro Uhlmann kaj J. Schmid, ĉeestita de ĉ. 150 p. La ĝenerala kunveno de S. E. S. estis vizitita de multaj kaj viglaj samideanoj el tuta Svisio. La konataj varieteartistoj S-roj Schwarz, el Germanio, propagandis ankaŭ por nia celo. Komenciĝis kurso kun 30 p., inter kiuj konataj komercistoj. La loka oficiala bulteno „Die Schweizer Mustermesse" enhavis artikolon de S-ro J. Schmid. Fondiĝis nova grupo „Progreso", kiu rekrutiĝas precipe el la oficistaro de la fame konata ĥemia fabrikejo „Ciba". — *Bern:* En la „Akademiaj novaĵoj", organo de la Bulgaraj studentoj en Svisio, S-ro Krestanov gvidas specialan fakon en Esp. En la 1a N-ro jam tri paĝoj „Bildoj el Bulgario" estas redaktitaj en ĝi. — *Neuchâtel:* S-ro Krestanov faris publikan lumbildan paroladon pri la Bulgara lando kaj popolo, kiun majstre tradukis S-ro G. Stroele. Lokaj gazetoj favore raportis.

## Usono.

*Philadelphia:* Dum patriota vespero, arangita de membroj de Pola Episkopa preĝejo kune kun Esp-istoj, ĥoro el Polaj kaj Litovaj Esp-istoj kantis „La Espero" kaj „Fidela Rondo", post kio D-ro J. Pienionzek faris paroladon pri Esp. Polaj Esp-istoj arangis kunsidojn, malfermis kurson kaj fondis societon.

## Kanado.

*Montreal:* La nove reorganizita societo jam havas pli ol 50 m. La du kursojn ĉeestas ĉ. 30 p.; ilin gvidas S-roj Bardorf kaj Pratley. Tie ĉi okazos dum la somero la Kongreso de la Esp-istoj de Nord-Ameriko.

## Argentino.

*Buenos-Aires:* Estas fondita teatrarta Esp. grupo.

## Meksiko.

*Meksiko:* D-ro Ambrosio Vargas komencis kurson ĉe la lernejo pri superaj studoj, ĉeestatan ankaŭ de kelkaj geinstruistoj. Okaze de la solenigo de la datreveno de stariĝo de blindullernejo, la tieaj Esp. lernantoj deklamis kaj kantis en nia lingvo. La ĉeestantaro multe aplaŭdis, kaj la lokaj ĵurnaloj favore informis.

## Urugvajo.

*Montevideo:* La grava semajna gazeto „Mundo Uruguayo" publikigas ĉiunumere fakon pri Esp. Pluraj kursoj estas organizitaj en la tuta respubliko.

---

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto en la lernejoj.** — *Brazilo:* En „Brazila Esperantisto" ni legas la tekston de la jena leĝo, kiun voĉdonis la Parlamento de la ŝtato *Sergipe:*

„§ 1. — Estas starigita en la Normala Lernejo kaj en la duagradaj lernejoj de l' ĉefurbo la nedeviga instruado de Esperanto.

§ 2. — La kursoj de la nova lingvo estos direktataj de nepagitaj profesoroj montritaj de Esp. Klubo de Aracaju aŭ de Brazila Ligo Esp., kies sidejo estas en Rio de Janeiro.

§ 3. — Esperanto estos instruata dum du jaroj al la lernantinoj de la Normala Lernejo, komencante de la dua serio, kaj en ĉiu serio estos du lecionoj ĉiusemajne.

§ 4. — La lernantinoj de Esperanto faros en la fino de l' kurso ekzamenon, kiu estos registrita en la libroj de la normala kaj duagradaj lernejoj.

La transpaso de la unua al la dua kursjaro de Esperanto en le Normala Lernejo estos farata laŭ la komuna procedo de la pligradiĝoj.

La gelernantoj de Esperanto en la duagradaj lernejoj ricevos tri lecionojn ĉiusemajne kaj faros ekzamenon en la fino de l' kurso.

§ 5. — En egalaj kondiĉoj, la atesto pri lernado de Esperanto donos preferon al la lernantinoj de l' duagradaj lernejoj, kiuj konkuros al la vakantaj lokoj en la Normala Lernejo kaj al la diplomitinoj fariĝontaj instruistinoj.

§ 6. — Estas nuligitaj la kontraŭaj ordonoj.

Palaco de la Registaro de Ŝtato Sergipe. Aracaju, la 31 oktobro 1918.

Subskribis: José Joaquim Pereira Lobo. — Alvaro Fontes da Silva."

La projekton prezentis D-ro Edison Lacerda, deputito.

En *Rio de Janeiro*, la ĉefurba konsilantaro akceptis la jenan leĝon, kiun sankciis la provizora ĉefurbestro:

„§ 1. — En la elementaj, metiaj kaj normala lernejoj de l' distrikto federala, estos permesata, sen malhelpo de la lernlaboroj, la instruado sendeviga de la lingvo Esperanto, farata de nepagitaj profesoroj montritaj de Brazila Klubo „Esperanto."

§ 2. — Estas nuligitaj la antaŭaj ordonoj.

Distrikto Federala, la 11 januaro 1919.

Subskribis: Manoel Cicero Peregrino da Silva.

La projekton prezentis D-ro Antonio Penido, konsilanto."

Imitindaj ekzemploj!

∴ **Esperanto kaj socialistoj.** — En *Portugalio* fondiĝis „Portugala Esperantista Socialista Asocio", kies sidejo troviĝas: Rua do Bemformoso 150, Lisboa. La nova organizaĵo petas de ĉiuj socialistaj aŭ laboristaj grupoj la sendadon de iliaj regularoj, ekzempleroj de ĵurnaloj, libroj, k. t. p. pri socialismo, komunikaĵoj pri socialismo kaj Esperanto aŭ almenaŭ la sendadon de iliaj adresoj. Ĝi ankaŭ danke ricevos Esp. presaĵojn por sia biblioteko.

∴ **Esperanto kaj pacifistoj.** — Dum la packongreso de la guberno Skaraborg, okazinta la 27 aprilo en Skara (Svedio), oni post mallonga parolado de S-ro A. Rosenberg unuanime voĉdonis la jenan rezolucion:

„La Packongreso de la guberno Skaraborg, por interkonsilado kolektiĝinta en Skara, volas, kun aliĝo al la deklaro de 50 oficialaj reprezentantoj ĉe la antaŭ nelonge okazinta internacia Berna kongreso por la Ligo de la Nacioj, deklari, ke la enkonduko de Esperanto kiel neŭtrala lingvo internacia estas unu el la plej gravaj kondiĉoj por la interkompreno de la popoloj kaj necesa bazo por la Ligo de la Nacioj. Plue la Kongreso volas siavice agi kaj, propriganto la deziron de la samaj Bernaj kongrespartoprenantoj, peti de la ĉiulandaj pacifistaj organizaĵoj, ke ili morale kaj materie subtenu la Esperanto-movadon, organizante kursojn en siaj unuiĝoj kaj uzante Esperanton kiel internacian interkomprenilon."

∴ **Esperanto kaj katolikoj.** — Repaciĝan alvokon direktatan al la ĉiulandaj katolikoj eldonis S-ro Jozefo Kral, redaktoro de la katolika presligo en München, kaj Pastro Poell, religia konsilanto de „Espero Katolika" en Gemert (Nederlando). „Katolikoj! La voĉo de la Anstataŭanto de Kristo ne estu plu la voĉo de la „krianto en la dezerto!" Propagandu la amon, la reamikiĝon kie ajn kaj kiam ajn vi povos, parole kaj skribe, en viaj personaj rilatoj, en la kunvenoj, ligoj kaj kongresoj . . ."

∴ **Esperanto kaj naciaj interesoj.** — En N-ro 223 (3) marto 1919 de „Esperanto" ni anoncis, ke la *Hungara* Akademio de Sciencoj publikigis en nia lingvo alvokon al ĉiuj sciencaj societoj de la mondo por konigi la Hungaran vidpunkton pri la nunaj okazantaĵoj. Al tiu manifesto respondis la *Ĉeĥa* Akademio de sciencoj kaj artoj per alia alvoko, de kiu aperis ankaŭ Esp. eldono.

∴ **Esperanto kaj skoltoj.** — S-ro A. V. Thomson (40, Oaklands Rd., Bexleyheath, Kent, Anglio) klopodas nun fondi Skoltan Esperantistan Ligon. Li eldonis broŝuron (prezo: 4 pencoj), en kiu li detale klarigas sian organiz- kaj laborplanon. Ĉiuj interesuloj ĝin mendu!

Resumo de tiu broŝuro en Germana lingvo estas publikigita de S-ro Alfred Egg (Postfach 17,621, Baden, Svisio); personoj havantaj rilatojn kun skoltaj grupoj venigu tiun bonan propagandilon.

Grava sukceso estus la enkonduko de nia lingvo en la skoltajn organizaĵojn (Boy-Scouts, Pfadfinder, Eclaireurs). Ĉiu helpu al tiu nova movado!

∴ **Deka Universala Kongreso de Esperanto.** — La loka komitato de la deka Kongreso petas nin konigi la jenan informon:

Pro malmobilizo, la loka organiza komitato de la Deka Universala Kongreso de Esperanto povas de nun sendi al la kongresanoj, kiuj ilin ne ricevis, la dokumentojn rilatantajn al la Kongreso, kaj al la kongresanoj, kiuj mendis por loĝejoj, teatro, promenado, la monsumojn, kiujn ili antaŭpagis.

(Tiuj monsumoj estos malpliigataj de la elspezoj faritaj de la agentejoj, kiuj akceptis la organizadon de la diversaj fakoj.)

La loka organiza komitato petas, ke la supre difinitaj kongresanoj, el la kunligitaj kaj neŭtralaj nacioj, bonvolu sendi sian nunan adreson, la provizoran kongreskarton aŭ, en okazo de perdo de ĉi-tiu, kvitancon memorigantan la numeron de aliĝo al: Loka organiza komitato de la Deka (Esperantista Centra Oficejo), 51, rue de Clichy, Paris.

Se iu el la kongresanoj intencas oferdoni al la kongresa kaso aŭ al la Franca Societo por propagando de Esperanto, la sumon al li ŝuldatan, li bonvolu precizigi tion per sia letero.

Al tio la Centra Oficejo aldonas la jenan informon:

Laŭ sia kutimo la Esperantista Centra Oficejo preparis raporton pri la Kongreso. La raporto kunigas la dokumentojn rilatantajn al la okazajoj preparitaj por la Kongreso, kaj kunigitaj de la Konstanta Komitato de la Kongresoj. Tiu volumo, kiu estas interesa dokumentaro, estas senpage aldonota al la dokumentoj de la loka komitato, je la nomo de la Konstanta Komitato de la Kongresoj. Nur la personoj pagintaj plenan kotizon ricevas ĝin, sed se iu ne plenumanta la kondiĉojn deziratajn volus ĝin utiligi por propagando, la Esperantista Centra Oficejo sendus ĝin laŭ bonaj kondiĉoj. Neniu alia dokumento tiel taŭgas por propagando ĝenerala. Ĉiu, kiu vidos tian gravan kongresliston, tian plenan organizon, kaj povos konstati la nombron de la okazontaj kongresoj de specialistoj, ne povos nei la gravecon de nia movado. Volumo de 220 paĝoj, formato 16×26; por nekongresanoj Fr. 3.50. Specialaj kondiĉoj por personoj, kiuj utiligus ĝin por propagando kaj aĉetus per kvantoj.

## TRA LA GAZETARO

∴ *„France-Esperanto"* (marto—aprilo). En artikolo-parolado „Zamenhof kaj lia verko" S-ro J. Nels asertas, ke antaŭ ol esti Espisto, Zamenhof precipe kaj antaŭ ĉio estis poeto kaj filozofo; tio estis, laŭ la aŭtoro, la ĉefa fundamento de lia verko, sen kiu Esp. certe ne ekzistus. La kreo de L. I. estis senkonteste rezulto de lia filozofio. Unue aperis la interna ideo, la Esperantismo, kaj Esp. estis rimedo por efektivigi tion, kio estis ĉefa temo de liaj priokupoj: plibonigo de l' homaro kaj de l'internaj sociaj rilatoj. Kaj, konkludas nia samideano, Esp. ankaŭ postvivos, ĉar ni ĝin volas, despli ke nun venas nova sento, naskiĝas nova mondo, aperas nova horizonto.

∴ *„Germana Esperantisto"* (majo). S-ro R. Eisner montras la gravan signifon de interpopola lingvo kaj opinias, ke en la komenco oni povas havi tian nur apud la tri ĉefaj lingvoj. D-ro Plagge daŭrigas esplori la problemon de la propraj nomoj. Aprobante S-ron Hodler pri tiuj de riveroj, maroj, montoj kaj urboj, li kompletigas la koncernan artikolon de „Esperanto" per la personaj kaj familiaj nomoj. Li rekomendas, ke ĉi tiujn nomojn oni tute ne Esperantigu, sed oni skribu ilin plej eble laŭ ilia nacia ortografio kaj, se tio ne povas esti pro malsameco de la literoj, tiam oni transskribu ilin fonetike. La uzon de la sufikso „i" li denove aprobas. La Fundamento ankaŭ ne malpermesas neologismojn, ĉu ili estas novaj vortoj aŭ afiksoj. — En eldono B., S-ro Karl J. Loy kritikas la prefikson „mis", dirante, ke ĉiu prefikso ne nepre necesa plimalfaciligas la lingvon por personoj malmulte instruitaj. Oni povus anstataŭi ĝin per „erar", kaj eble enkonduki „mis" kiel verba radiko: misi, *G.* „missen" *A.* „to miss".

∴ *„La Eklezia Revuo"* (aprilo) klarigas, ke unu grava funkcio de la E. R. estas provizi materialon por la kompara studado de la religioj, celante la bonon, la kreskigon de vera religio, la venkon de la vero, la superecon de la amo. Tial de tempo al tempo oni presigos artikolojn pri ĉiuj eklezioj, sektoj kaj kultoj, por ke ĉiuj voĉoj estu aŭdataj, kaj ĉiu ano de iu eklezio aŭ kulto, granda aŭ malgranda, povos libere klarigi en E. R. la propran kredon, principojn, celojn kaj idealojn k. c. Al ĉiu la paĝoj de E. R. estas malfermitaj kaj la redakcio de tiu grava abundmateriala gazeto petas ĉiulandajn korespondistojn.

∴ *„Svisa Espero"* (aprilo). Nia samideano W. Perrenoud resumas sian legindan iom pesimistan „Kroniko", dirante, ke la plej intima devo de ĉiu Esp-isto estas nun triobla: 1e se li tion ankoraŭ ne faris, li devas senprokraste akiri ŝtonegfirmajn konvinkojn pri Esp., 2e Se li ne apartenas jam al UEA., li devas tuj sendi sian aniĝon, 3e Se li havas eĉ nur kvin minutojn liberajn ĉiusemajne, li tiujn ĉi kvin minutojn devas dediĉi al pli profunda konatiĝo kun la verkoj kaj opinioj de nia Majstro.

∴ Reaperintaj gazetoj: *„Itala Esperantisto"*, oficiala organo de la Itala Esperanto-Federacio kaj de la Itala Katedro de Esperanto. Jaro V, N-ro 1 (marto). Formato: 17×25 cm. 8+IV p. Direkcio kaj administracio: Federazione Esperantista Italiana, Casella Postale 922, Genova. Jarabono: Italio 4 Liroj, Eksterlande 5 L., unu N-ro 0. 40 L.

Se apero de nova Esp. gazeto estas ĝojiga, despli ĝojiga estas la reapero de malnova. Al nia Itala kunfrato ni deziras longan kaj prosperan vivon!

.·. Aliaj gazetoj ricevitaj: „*Amerika Esperantisto*“ (februaro), „*Argentina Esperantisto*“ (jan.—febr.), „*Brazila Esperantisto*“ (julio—sept. 1918), „*British Esperantist*“ (majo), „*Esperanto-Monthly*“ (aprilo), „*Bulteno de la Kataluna Esp. Federacio*“ (marto—apr.), „*Esperanto*“, organo de „Nova sento“ (marto), „*Hungara Revuo*“ (marto), „*La Unuigita Tuthomaro*“ (majo), „*Mitteilungen* des Steirischen Esp.-Vereines“ (aprilo, majo), „*Nederlanda Katoliko*“ (marto—aprilo), „*Progreso*“ (majo). *I. H. K.*

# TRA LA LIBRARO

**Ascendo al Monto-Blanka,** en 1787, de *H. B. de Saussure*. Tradukita de *René de Saussure*. Eldonita de la „Propagandejo Esperantista“, Hôtelgasse 10, Bern, Svisio. 15 ╲ 23 cm. 16 p. Prezo: 1 Fr.

La tradukoj de S-ro R. de Saussure estas ĉiam duflanke interesaj; unue, la verkinto estas lerta tradukisto, kiu ne preteriras la malfacilaĵojn, sed atakas rekte ilin kaj ilin venkas; due, ĉiu lia traduko estas samtempe pli-malpli grava provo iel plibonigi nian lingvon.

La enhavo de l' nova broŝuro estas en si mem valora laŭ historia, scienca kaj literatura vidpunktoj. La rakonton pri la kuraĝa faro de la praavo de S-ro de Saussure oni legas kun streĉa atento, vigla plezuro kaj vera facileco. Du eltekstaj bildoj montras la portreton de la fama aŭtoro kaj lian iradon kun gvidistoj sur la glaciejo.

Nu, la novaĵoj! Mi ne nomas tia la forigon de sufiksoj *ad* kaj *ec* kiam neutilaj; „alto, puro, laco, helo, firmo kaj molo“ estas ja regulaj. Simplon (ne temas pri la tunelo) havigas al nia lingvo ĝenerala enkonduko de tiuj formoj. Sed, la unuan fojon, la finiĝo *aŭ* de l' adverboj estas sisteme anstataŭita per *e*; oni do legas: „anke, ankore, ambe, almene, apene, balde, kvaze, morge, preske“. La laŭdinda celo de l' ŝanĝo estas forigi vortojn kiel „morgaŭo, hodiaŭa“, k. t. p. Sed la prepozicioj konservas sian *aŭ*, kaj en la sama teksto oni trovas: „ĉirkaŭe, ĉirkaŭitaj, malgraŭe, antaŭeni, antaŭiranto, kontraŭeja, antee, antea“, ankaŭ ne mirinde belsonaj. Plie estas uzataj: „postaŭ, postaŭe“ kaj „retraŭ“, kiel prefikso en „retraŭiri, retraŭveni“. Ĉu tiel oni ne falas de malbono en alian, ĉu la gajno estas grava?

S-ro de Saussure volas diferencigi ambaŭ sencojn tempan kaj lokan en la prepozicioj *antaŭ* kaj *post*; li elektas por la tempo: *ante* kaj *post*, por la loko: *antaŭ* kaj *postaŭ*. Eble tiu distingo iam estos akceptata; sed tiam espereble oni akceptos malsimilajn vortojn, kiuj ne naskos konfuzon. Same se oni deziras apartigi la du sencojn lokajn de *kontraŭ* (komparu: La monto konturiĝas kontraŭ la ĉielo, kaj: En tiu ĉambro la fenestro estas kontraŭ la pordo), oni ne uzu „kontraŭeje de“; tiu formo estas nek bela, nek komprenebla, sed tiel dubesenca kiel „kontraŭ“. Ŝajnas, ke oni povus rezervi *kontraŭ* por du objektoj lokataj en malaj direktoj, kaj en alia okazo elekti inter *apud, ĉe, antaŭ, al, sur*. Provata estas ankaŭ la sufikso *end* (kiu devas esti) ekzemple en: „ascendenda, sekvenda, uzenda, farenda, transpaŝenda, trapasenda“. Ĉu flanke de „sekvinda“ kaj „sekvota“, oni vere bezonas „sekvenda“, tion la praktiko decidos. Fine, *onin* por *iu*, kaj *onian* por *ies* estas nenecesaj.

Kelkaloke pro troa precizemo, la stilo estas komplika. Anstataŭ: „Post ol esti preterpasinta tiujn rokojn“, mi dirus simple: „Preterpasinte“; por: „Ni ekmarŝis nur je ĉirkaŭe la sesa matene“, mi dirus: „ĉirkaŭ la sesa“. Ankaŭ stranga kaj neplaĉa estas ofta disigo de artikolo kaj substantivo. Jen ekzemploj: „Mi suferis pro la per nia spiro haladzigita aero. — La sorto de la je ŝnuro pendanta gvidisto. — Produktaĵo de la rekte el la ĉielo neĝado. — Tial ke la el la superantaj altaĵoj kaduka neĝo jam estis defalinta.“ Same por eviti kuneston de *tiuj kiuj*, kelkaj frazoj estas senutile inversitaj.

Rimarkitaj vortoj estas: ascendo (pli bona ol ascenso jam proponita), distanci, inkludi (jam oficialigita estas inkluzive), eŝte, weste, linjo (Verax donas lineo), areo, kresto (por montoj), ekspozi (jam ekzistas ekspozicio); taŭgaj kunmetaĵoj estas: sentumo, sentumilo (en materia senco), nesurirebla, fallasi, ĝuloko, finiari, supreni kaj malsupreni (la deklivo suprenas ĝis la supro).

Logiko, precizeco estas bonegaj kvalitoj, facileco, simpleco... pardonu! facilo, simplo, ne estas malpli ŝatindaj; malfacile estas kliniĝi nek dekstren nek maldekstren, sed laŭiri la ĝustan mezan vojon. Se kelkaj juĝas, ke S-ro de Saussure ne tute ĝin sekvis, ĉiu tamen gratulos lin pro lia nova laboro. Eminenton lian kaj ĝian ankaŭ konfesas la longo de tiu recenzo. — *G. S.*

*Postrimarko:* La ĉi supra recenzo estis jam kompostita, kiam aperis la definitiva (dum kiom da tagoj?) formo de la Lingvo Internacia de Antido; kompreneble multaj kritikoj fariĝas sencelaj, ĉar S-ro de S. forlasas mem siajn trovaĵojn antaŭ ol oni sukcesas studi ilin. Tiu estas stultulo, kiu neniam ŝanĝas sian opinion, sed dubeble estas tamen, ĉu la saĝeco kreskas proporcie kun la nombro de l' ŝanĝoj! Mi ne volas diskuti ĉi tie la lastan (ĝis kiam?) projekton de Antido, sed nur bedaŭri: ke tiel senpripense agas ĝia aŭtoro; ke tiom da laboro kaj mono estas misuzata; ke erariga estas la longa nomaro en la komenco, (ĉar unuavide oni kredas, ke tiuj personoj aprobas la novaĵon, kio estas malvera); ke la antaŭparolon verkitan France (kial?) certe oni uzos kiel armilon kontraŭ Esperanto; kaj fine, ke iu povas supozi, ke Esperanto estos iam anstataŭita per tia miksaĵo de kelkaj esplorindaj reformetoj kun teoriaj proponoj rekte kontraŭaj al la esencaj principoj de nia lingvo. *G. S.*

**Kiel akiri bonan stilon?** de *Zanoni*. (Represo el „Germana Esperantisto“, 1917, N-ro 5 B.). Ader & Borel, Dresden. 8 paĝoj, 10 ╲ 14 cm. Prezo: M. 0.10.

Tiu represo de gazetartikolo celas doni konsilojn por pliperfektiĝo al la Esperantistoj ne ankoraŭ sufiĉe lertaj, kaj montri al ili la sinsekvajn ŝtupojn atingotajn per taŭgaj ordigitaj ekzercoj, buŝaj aŭ skribaj. Konsiloj eĉ bonegaj kompreneble ne anstataŭas propran laboron, sed ili povas helpi al elekto de bona labormetodo. Tial tre rekomendinda estas la broŝureto de Zanoni, des pli, ke la aŭtoro pruvas per ekzemplo la valoron de sia instruo, ĉar lia verketo estas perfekte klara kaj senerara modelo de stilo. *G. S.*

**Projekto pri konstitucio de l'Interpopola Ligo.** Farita de la studkomisio, kiu estis starigata la 21 septembro 1918. *Germana societo por internacia juro.* 6 paĝoj, 21 ╲ 33 cm.

En tiu projekto, kun 36 artikoloj, estas difinitaj la celo de l' Ligo, ĝiaj organoj, la rimedoj uzotaj por eviti konfliktojn, la limigo de l' armadoj, la koloniaj aranĝoj, k. t. p. Tiaj projektoj ĉiam elvekos intereson kaj simpation ĉe la Esperantistoj, kiuj jam de longe atendas la kreon de tutmonda unuiĝo. Juristoj studu tiun projekton, komparu ĝin kun tiu de l' Pariza konferenco, kiel ankaŭ kun tiu de l' Svisa registaro, kaj taksu ĝian valoron, kion mi ne kapablas. Sed estas rimarkinde kaj laudinde, ke projekto pri Interpopola Ligo estas publikigata per interpopola lingvo.

Tiu speciala teksto estas lerte tradukita; kelkaj vortoj tamen eble ne bone elektitaj: „rekurso“ ne estas preferinda al la jam uzita „apelacio“; „akomodi“ estis ĝis nun rezervita por optika fenomeno; fine: „marino“ (ŝiparo) kaj „obligi“ (devigi) estas certe malbonaj, ĉar konfuzeblaj kun la jam akceptitaj terminoj: maro, marini (pekli) kaj obl-igi. — *G. S.*

**Esperanto i 10 lektioner,** Norvega lernolibro de *Bruno Rifling*. Eldonis: Norvega Esp. Ligo, Kristiania, 18,5 ╲ 11,5 cm. Prezo: 10 öre.

Ni ricevis la unuajn presfoliojn de tiu nova lernolibro, presita je 5000 ekz., verko de nia fervora, ho ve! tro frue malaperinta Norvega propagandisto Bruno Rifling. Ni esperas, ke la apero de tiu bona lernolibro vigle helpos al la progresoj de nia lingvo en Norvegio. — *A. R.*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi per Esperanto la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter diverslandanoj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn praktikajn servojn por turistoj, komercistoj, studentoj, junuloj, virinoj, k.a.*

**Membrorajtoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn, parolajn aŭ skribajn, de la Delegitoj kaj uzi ĉiujn servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron. (Provizora adresaro aperos dum 1919.)*

**Aliĝo:** *Ordinara membro: 2.50 Fr. (Svisa valoro). — Subtenanta membro: 5 Fr. — Dumviva membro: 125 Fr. (kun senpaga ricevo de la gazeto „Esperanto", luksa eldono). — Esperantia Entrepreno: 12.50 Fr. (Esp. organizaĵoj nur 7.50 Fr. kun la gazeto). — La kotizaĵoj estu pagataj al la Delegitoj aŭ, kie ne estas, al la Centra Oficejo de UEA, Museumsstrasse 11, Bern (Svisio).*

**Centra Oficejo.** — La translokiĝo de nia Centra Oficejo bone sukcesis, post multe da laboro. Post rapida provizora aranĝo la laboro estis tuj reprenata. La reordigo de la dokumentoj kaj de la biblioteko forprenis multe da tempo, sed ni estas nun sufiĉe komforte instalitaj, kvankam ni disponas malpli da spaco ol antaŭe. Dum la translokiĝo alvenis granda nombro da leteroj, poŝtmandatoj, presaĵoj, k. t. p. Ni faris ĉion eblan por refunkciigi la oficejon kiel eble plej rapide, sed petas senkulpigon pro la neevitebla prokrasto de multaj aferoj.

**Adresaro de la Delegitoj.** — Dum la monato majo ankoraŭ alvenis multaj respondiloj, tiel ke la Adresaro estos pli dika ol ni unue supozis. Pri tio certe ne plendos niaj membroj, sed el tiu fakto rezultas, ke la preparado kaj presado postulis pli da tempo. Ni esperas, ke nia Adresaro estos preta por forsendo je la fino de junio. Ĝi enhavos ne nur adresaron de la Delegitoj, sed ankaŭ liston de la nun funkciantaj grupoj kun informoj pri iliaj kunvenoj. Ĉiuj Esperantistoj devas do ĝin posedi. Kiu ne ankoraŭ pagis la kotizaĵon por 1919, tiu rapidu!

**Pasportoj por Svisio.** — Ricevinte diversajn petojn, ke la C. O. havigu pasportojn por eniri Svision, ni konigas la novajn kondiĉojn:

La Svisa Centra Oficejo por la polico de la fremduloj en Bern okupas, post sia nuna reorganizo, 150 oficistojn kaj ricevas ĉiutage 1000 ĝis 1500 petoj. Ĝi estas dividata en fakoj: A: Provizoraj okupoj (eksterlandaj muzikistoj, varieteanoj, studentoj, servistoj, k. t. p.). F: Vizitoj de familianoj. G: Komercistoj. H: Hoteloj (personoj alvenantaj por kuraciĝi). N: Daŭra restado. P: Plilongigo de la pasportoj. R: Pritrakto de restintaj, t. e. malnovaj petoj. Poste fakoj por kontrolo de tiuj, kies pasportoj finiĝis, por statistiko, k. t. p.

Ĉiu peto devas esti transdonita al la Svisa konsulo, kiu sendos la paperojn post ekzameno al Bern. La tempolimo de respondoj estas inter 14 tagoj kaj unu monato, laŭ la celo de la vojaĝo kaj la donitaj informoj. Senpere, ne pasante tra Bern, havigas enirpermesojn nur la Svisaj legacioj en Washington, Rio de Janeiro, kaj Buenos Aires.

Ni petas la Esperantistojn sekvi la oficialan vojon per la konsulo. UEA povos aŭ almenaŭ provos helpi nur en specialaj kazoj, kiam la oficialaj paperoj estas jam alsendataj. Tiam oni precize informu nin pri la jam faritaj klopodoj, la dokumentoj kaj la kaŭzo de la ĝisnuna malsukceso.

**Donacoj.** — Sumoj donace senditaj por la kaso de UEA:
F-ino A. M. Swan (Liverpool) Fr. 25; S-roj Roeding fratoj (San Francisco) Fr. 25.75.
Al la donacintoj koran dankon.

**Garantia Kapitalo.**

| *Listo de garantiantoj* (Dua parto) | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 3125 |
| 26. D-ro J. L. Roseboom, Rochester N. Y. (Usono) . . . | 125 |
| 27. S-ro Waldmann, Lyon (Francio) . . . . . . . . . | 125 |
| 28. S-ro Andrés Piñó, Valencia (Hispanio) . . . . . . | 125 |
| Frankoj | 3500 |

Unu atesto de la Garantia Kapitalo kostas 125 Fr. (Svisa valoro). Oni povas mendi unu aŭ plurajn atestojn. Ĉiu Garantianto estas dumviva membro de UEA kaj senpage ricevas la luksan eldonon de „Esperanto". Mendojn de atestoj oni bonvolu adresi al la Centra Oficejo de UEA. La sumo estu pagata plej malfrue tri monatojn post la promeso al UEA, aŭ prefere al la banko, kiu kvitancos la ricevon. Adreso: Kantonalbank Bern (Banque Cantonale, Berne), (Nationalbank-konto 1020, Svisa poŝta ĉeko III, 2600).

**Kotizaĵoj por 1919.** — Je la 30 aprilo estis enkasigitaj 1723 kotizaĵoj (el kiuj 131 subtenantoj). Krom tio estas 178 dumvivaj membroj. Sume: 1901. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 32.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato aprilo:
Ricevitaj: 843. — Forsenditaj: 649. — Tuta sumo: 1492.
(Antaŭa monato: 2395.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj.

*Kvina listo:*

115. P. Blaise (London). — 116. P. Sörensen (Esbjerg, Svedio). — 117. L. Moreau (Châteauroux, Francio). — 118. G. Lewis (Liverpool). — 119. F-ino E. Chenevard (Neuchâtel). — 120. E. Håkansson (Karlshamm, Svedio). — 121. A. Morgan (Coventry, Anglio). — 122. H. Larsson (Västeras, Svedio). — 123. Lu Ŝi Ĉin (Shanghai). — 124. J. Tobie (Croix, Francio). — 125. T. Neyens (Overpelt, Belgio). 126. M. Evrot (Chambéry, Francio). — 127. P. Kolev (Sofia, Bulgario). — 128. M. Deas (Beaufort-West, Usono). — 129. W. Morrison (Ardgour, Skotlando). — 130. E. Kerr (Towsen, Usono). — 131. D. Aznar (Cuevas de Véra, Hispanio).

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj lokoj:

*Freiburg i. Breisgau* (Germanio, Baden). — D.: S-ro Franz Döring, Zasnusstr. 6.
*Jalasjärvi* (Finnlando). — D.: S-ro Isak Ahonen.
*New York* (Usono, por kvartalo *Tremont*). — D.: Benjamin W. Reich, tabakkomerco, 3719, Third Avenue.
*Pirdop* (Bulgario). — D.: S-ro Nikola H. Krestanov, Car. Osvoboditel 90.
*Potenza* (Italio). — D.: S-ro Fidia Cesarini, Intendenza di Finanza.
*Raŭmo* (Finnlando). — D.: S-ro Laŭri Laiho, tipografiisto.
*Regina* (Kanado, Saskatschewan). — D.: S-ro J. G. Mac Gall, 2333, Robinson St.
*Salzuflen-Bad* (Germanio, Lippe). — D.: F-ino Käthe Tiedeken, pensiono, Parkstr. 30.
*Scheveningen* (Nederlando). — D.: S-ro C. H. Bramkamp, instruisto, Pansierstr. 22. — VD.: S-ro A. G. Hoekma, bankoficisto, Stevinstr. 36.
*Voldi* (Estonio). — D.: S-ro Eduard Tamm, poŝtoficisto.
*Zandvoort* (Nederlando, Noord Holland). — D.: S-ro G. H. Anderson, librotenisto, Hotel „Groot Badhuis".

Ŝanĝoj:

*Dresden* (Germanio, Saksio). — D.: S-ino Camilla Fürth, Carlowitzstr. 28.
*Jindrichuv Hradec* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Karel Hönig, vet. med. cand.

*Lille* (Francio, Nord). — VD.: S-ro D-ro P. Vanverts, prof. ĉe la Medicina Fakultato, 236, rue Solférino.
*Perth Amboy* (Usono, New Jersey). — D.: S-ro H. W. Fisher, inĝeniero, Underground Cable Cy.
*Philadelphia* (Usono, Pennsylvania). — D.: S-ro Peter Reilly, libristo, 113 N., 13th Street.
*Pisa* (Italio, Toscana). — VD.: S-ro Niccola Jäger, studento, 44, V. S. Lorenzo.
*Soest* (Germanio, Vestfalio). — D.: F-ino Helene Andernach, Grandweg 34.
*St-Etienne* (Francio, Loire). — D.: S-ro Eugène Gabert, Recette Municipale, 8, rue du Président Wilson.
*Utrecht* (Nederlando). — VD.: S-ro C. H. W. Coté, Weerdsingel W. Z. 56.
*Verviers* (Belgio). — D.: S-ro Jos. Pirnay-Demez, 28-30, rue Biolley. — VD.: S-ro Joseph Hérion, juvelisto, 8, r. des Raines.

Provizore ne plu estas Del. en jenaj lokoj:
*Cosne* (Francio); *Piotrkow* (Polio); *Pireo* (Grekio); *Trani* (Italio).

# Esperantista Parolejo

## Por spirita repaciĝo

El letero ricevita de la C. O. de UEA:

La milito finiĝis. Ĝi terurege vundis ĉiujn popolojn, venkintojn kiel venkitojn, kaj naskis movadon, kiu minacas je pereo nian tutan kulturon. Des pli terura estis la milito, ke ĉiuj popoloj partoprenantaj kredis esti atakitaj kaj nur pro defendo de sia bona rajto prenis la armilojn. Nun la milito finiĝis, sed la popoloj ankoraŭ kontraŭstaras unu la alian plenaj de malamo, kaj tiu-ĉi interpopola malamo, incitata kaj daŭrigata per venĝemo kaj venka ebrieco unuflanke, per la sento de suferinta perfortiĝo aliflanke, malfaciligas la komunan rekonstruadon, kiu estas tiom necesa al nia mondo. Ĉi tie ni ne parolu pri justeco aŭ maljusteco, pri kulpo kaj rebonigo. De senpartia kaj senpasia juĝa kortego la kulpuloj, kiuj kaj kie ili estas, devas esti punataj kaj transdonataj al la malestimo de la tuta mondo. Sed la *popoloj*, neesprimeble suferintaj, nun devas liberiĝi de la intergenta malamo, kaj frate kunlabori je la rekonstruado. Ne estas necese krei novajn organizajojn, ili venus ja tro malfrue por efika helpo, sed pli bone ĉiuj vere internaciaj organizaĵoj travivintaj la militon devus kunhelpi ĉe tiu ĉi granda verko, kaj inter ili mi unuavice kalkulas la Esperanto-grupojn de la tuta mondo. Kiu unufoje sentis spiron de la spirito de nia movado, tiu ne povas rifuzi sian kunhelpon al tiu ĉi grandioza verko. Ekvenas pli bela epoko, kiam interpopola Ligo unuigos ĉiujn homojn por amika kunlaboro. En tiu ĉi Ligo, Esperanto sendube plenumos gravan taskon kiel facile ellernebla kaj praktika komprenilo, precipe por la popolamasoj, kiuj en la demokrataj ŝtatoj posedas la povon. Al ni Esperantistoj apartenas, uzi tiun ĉi belegan helpilon, konstruante la pontojn inter la miskomprenoj, kiujn la intergentaj diferencoj kreis inter la nacioj. Esperanto kaj ĉefe UEA kiel internacia organizaĵo havas la taskon kunlabori al la plej sankta estonta tasko, nome al la forigo de la interpopola malamo, al la spirita malarmiĝo kaj interkompreno. — *D-ro E. W.*

## Aliĝu al UEA!

Oni komunikas al ni la jenan decidon de la estraro de la Stiria Esperantista Societo en Graz (Aŭstrio):

„La estraro de la S. E. S. en Graz rekomendas plej insiste al la societanoj la aliĝon al UEA. Komprenante la necesecon de UEA kaj ŝatante ĝiajn servojn, ni per ĉiuj fortoj subtenos la Del. en lia laboro. Ni estas certaj, ke reciproke la movado kaj la societo gajnos per la diskonigo de UEA, kies ekzisto mem estas la plej bona pruvilo pri la praktika uzebleco de Esp.

*J. Klobučar*, prezidanto. *K. Bartel*, sekretario.

## Reĝustigo

En la februara N-ro de *Esperanto* troviĝas raporto, ke la Societo Danubio en Wien direktis petskribon al la German-Aŭstria registaro pri enkonduko de Esperanto en la lernejoj. Tio ne estas ĝusta. Efektive tiu ĉi projekto estis nur priparolita en kunveno de la prezidantoj de ĉiuj grupoj en Wien, kaj estis decidite prokrasti la aferon ĝis post realiĝo de la paco. *D-ro E. Sós*, Del. de UEA, Wien.

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *Hans Jakob*, membro el Ĝenevo, esprimas sian dankon al la Delegitoj de Wien, S-ro D-ro Sós, kaj Budapest, S-ro Forster, pro afabla akcepto kaj gastigo dum pasinta aŭtuno.

.·. F-ino *Julie Šupichova*, Del. en Praha, kore dankas al sia kolegino F-ino J. Amundsen en Kristiania (Norvegio), pro la rapide plenumita informa servo.

.·. F-ino *A. M. Swan*, membrino de UEA en Liverpool, donacis al UEA la sumon da 25 Fr. kiel dankesprimo por helpo kaj gastemeco, montritaj al ŝia nevo (Aŭstraliano) de la jenaj Del.: S-ro Blackett, en Bath; Ges-roj Blaise, en London; F-ino G. Gérard, en Paris.

.·. S-ro *Iv. Krestanov*, el Bern, kore dankas Ges-rojn Uhlmann kaj Olŝvanger en Basel, Ges-rojn Stroele, F-inon Chenevard kaj S-ron Perrenoud en Neuchâtel pro ilia afableco dum sia lasta vojaĝo. „Al Esp. li ŝuldas la plej bonajn amikojn, inter kiuj li ĉiam sentas sin hejmece."

.·. S-ro *A. Oberrotman*, Del. en Varsovio, tutkore dankas la Del. en Lodz pro afabla akcepto kaj gastigo dum trapaso.

## Oni petas!

.·. La Esp. Societo en *Olomouc* (Ĉeĥoslovakio) intencas fondi muzeon por montri al la publiko, ke Esp. ne estas utopio. Ĉiu samideano sendu objekton, ĉu kuriozaĵon, ĉu naturaĵon, ĉu komercaĵon, aldonante mallongan priskribon pri la objekto, ĝia havigeblеco, kosto, ktp. Laŭdezire la societo sendos interŝanĝe taŭgan objekton de sia lando. — *A. Kudela*, Del., Olomouc.

## Al la studentoj

La Asocio de Ĉeĥoslovaka studentaro petas jenajn informojn:

1e kiaj estas la vivkondiĉoj, koncerne la loĝado (kie? kiom multekosta?) en Svisio, Francio, Belgio, Anglio?

2e kiaj estas la programoj (instruaj) de la altaj lernejoj en la nomitaj ŝtatoj? Ĉu oni povas ricevi ilin?

3e ni petas la informojn kaj programojn de la *libertempaj* kursoj en Svisio (Genève, Lausanne, Neuchâtel), en Francio (Dijon, Tours, Grenoble, Besançon).

*Julie Šupichová*, Del.,
Malá Štěpánská 6 II. *Praha II* (Bohemio)

# Esperantista Vivo

**Naskiĝo.** — Al Ges-roj *Oberrotman*, Del. de UEA en Varsovio, naskiĝis filo.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *W. J. van der Haak*, membro de UEA en Rotterdam, kun F-ino *Maria A. Broeshart*.

**Edziĝoj.** — S-ro *O. Sklenička*, Del. de UEA en Hradec Králóvé (Ĉeĥoslovakio), kun F-ino *Bažka Dalanska*.

S-ro *Henry Coppin*, el Douai (Francio), kun F-ino *Dumont*, el Lille.

**Honorigo.** — Nia samideano D-ro *St. Mikolajski*, prezidinto de la Oka Kongreso en Krakow, fariĝis direktoro de la provinca kuracista oficejo.

# Lingvaj Studoj

## La unueco, kondiĉo de la sukceso

Al Antido kaj aliaj Zamenhofidetoj.

La jenajn meditindajn liniojn ni eltiras el la Belga bulteno de la nacia Ligo por la defendo de la Franca lingvo, en artikolo, kiu proponas la Francan kiel L. I.:

„. . . Tiuj projektoj kaj sistemoj (de artefarita L. I.) plimultiĝis dum la lasta kvarono de la XIXa jarcento, kaj kelkaj havis momentan sukceson. Tamen, ŝajnas, ke neniu povos havi daŭran sukceson, kaj oni devas rezigni la ideon, ke artefarita lingvo kapablos esti rimedo kontraŭ la multeco de la naturaj lingvoj; efektive, la multeco de la artefaritaj lingvoj ne estas malpli granda, kaj du scienculoj, pri kiuj oni ne povas suspekti, ke ili estas malfavoraj al la alpreno de unu el ili, S-roj Couturat kaj Leau, bone montris, kiel estas malfacile finigi ilian konkuradon. Unue, ĉiu artefarita lingvo estas konstante minacata de reformaj kaj plibonigaj provoj, kiel pruvas la historio de Volapuk kaj de Esperanto; due, estas ne verŝajne, ke ekzistos tia lingvo, kiu estus supera al ĉiu alia, ĉar oni pli kaj pli interkonsentas pri la ecoj, kiujn devas havi tiu lingvo, ĉiuj projektoj inspiriĝas laŭ la samaj principoj, kaj iliaj preskaŭ egalaj meritoj daŭrigas esti diverse ŝatataj: fine, la publiko, antaŭ ol aliĝi, atendas la sukceson, kiu povas veni nur de tiu aliĝo, dum la adeptoj de la unuaj jaroj laciĝas, atendante ĝeneralan aliĝon, kiu ne okazas . . . Por ke unu el la multaj artefaritaj lingvoj povu sin trudi, ĝi bezonus la apogon de nediskutebla aŭtoritato . . . La sola aŭtoritato sufiĉe potenca por adoptigi de ĉiuj unu solan artefaritan lingvon estas interkonsento de la politikaj registaroj; sed estas dube, ke ili iam okupiĝos pri la demando, kaj ke, se ili tion faras, ili pli facile interkonsentos ol la privatuloj. La aliaj aŭtoritatoj, pri kiuj oni parolas, kongresoj, akademioj, delegitaroj, estas rajtigitaj nur de si mem, kaj ĉiu povas kontesti ilian povon . . ."

La nomita bulteno konkludas, ke pli simple estas alpreni naturan lingvon, kaj ĝi proponas la Francan. Ni scias, ke tio tute ne povas esti dauta solvo de la problemo pri L. I.; tamen oni ne povas nei, ke en la supraj linioj kuŝas la plej forta argumento kontraŭ artefarita lingvo. Oni povas ĝin respondi nur per faktoj: unuparte oni devas organizi la unuajn adeptojn, tiel ke la nova lingvo estu kiel eble plej multe tuj utiligebla de ili, aliparte, estas nepre necese, ke la partianoj de la lingvo eksukcesinta konservu severan unuecon kaj nepre rifuzu ĉiun individuan provon de reformo aŭ plibonigo. Antido kaj eventualaj imitantoj meditu! Aŭskultante ilin, ni plej certe kondukos nian lingvon kaj la ideon mem de artefarita L. I. al la tombo.

---

**New York City** (Usono). — S-ro C. C. Colgne, 2633, Creston Avenue, Fordham, nur L (kun radikalaj social-demokratoj ĉie pri efektivigo de la „internacio“ kaj kontraŭ religio).

**Paisley** (Skotlando). — S-ro R. B. Mac Callum, „Claremont“, L (pri politikaj kaj literaturaj temoj kun samideanoj en Skandinavio, Polio, Rumanio, Bohemio, Italio, Jugoslavio, Grekio).

**Offenbach a. M.** (Germanio). — Gelernantoj de S-ro K. Gumbinger, Gr. Hasenbachstr. 25 (kun ĉiulandaj samideanoj).

**Olomouc** (Ĉeĥoslovakio, Moravio). — Ursulinenkloster (Monaĥinejo de urzulinoj), knabina kurso, adreso: Esperanto-Kursus Ursulinenkloster, Olomouc, PI.

**Olomouc** (Ĉeĥoslovakio, Moravio). — F-ino Maria Šprincová, Hadličková ul. 9, PI, L (kun ĉiuj landoj).

**Opava** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Alois Zednik, oficisto de la Bohema Industria Banko, PI, bfl (kun ĉiuj landoj; peras komercajn rilatojn).

**Portland** (Usono, Oregon). — S-ro H. G. Glass, 867, Bowdoin, PI, L (precipe kun Sud-Afriko, Ĉinio, Francio kaj Siberio).

**Porvoo** (Finnlando). — S-ro Olli Terasvuori, PM.

**Praha II** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Ferdinand Šilha, 460 u Karlova, PI (kun vidindaĵoj), P, PM (sendos militmemoraĵojn).

**Praha I** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Jan Koutek, studento, Rybná 11 b, PI, L.

**Praha VII** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Benjamin Verner, Letecký arsenál, Výstaviště, PI (kun ĉiuj landoj).

**Praha** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Rud. Hromada, oficisto, Sochařská 333, salutas siajn korespondantojn kaj interŝanĝas denove L, PI (kun ĉiuj landoj).

**Rabat** (Maroko). — S-ro Jean Sazy, libristo, L, pri sociaj kaj religiaj nun praktike realigebiaj metodoj por plibonigo de la nuna mondo (komunismo, terkulturaj kolonioj, interŝanĝo de infanoj, religiaj sektoj kaj grupoj). Sin speciale interesas pri la ideoj de Tolstoj.

**Regensburg** (Germanio, Bavario). — S-ro Josef Köstner (18-jara gimnaziano), Spiegelgasse 31, PI artaj, L (kun ĉiulandaj samideanoj, tuj post forigo de la cenzuro, pri iu ajn temo, pacifismo, socialismo, Esp. movado).

**Ricla** (Hispanio, Zaragoza). — S-ro Serrano, Bodegas Bilbainas, PI (kun ĉiuj landoj).

**Ružemberok** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro S. Beniček, oficisto en Slovenska banka, PI, L, PM.

**Ružemberok** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Stacho, Slovenska banka, PM.

**Santa Cruz de Tenerife** (Hispanio, Insuloj Kanariaj). — S-ro Manuel Alvarez, Capitán de Intendencia, PI (naturbelaĵoj, urbvidindaĵoj, naciaj tipoj, kostumoj, reproduktaĵoj de pentrartaĵoj, portretoj de teatrartistinoj).

**Särkisalmi** (Finnlando, Wiipuri). — S-ro Toivo Jean Suna, Melkoniemi (kun Mezeŭropaj junulinoj, deziras portretojn), PI, L.

**Sevilla** (Hispanio). — S-ro D-ro Casto Vilar, Hotel „La Peninsular“, Plaza de S. Fernando 19 y 20, PI (kun ĉiuj landoj).

**Skrivan apud Nový Bydžov** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Jan Oulehla, oficisto, PI, PM (ne sendas unue).

**Soennevad** (Svedio). — S-ro Linus Andrén, instruisto, PI (precipe kun Ĉinaj kaj Japanaj samideanoj).

**Studnice u Čes. Skalice** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Vladimir Vit, studento, PI, PM.

**Tabor 504** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Karel Sovák, nur PM (en ĉiu nombro kaj prezo, kun ĉiuj landoj).

**Uusikaupunki** (Finnlando). — S-ro Jorma Partanen, PM.

**Valtorp** (Svedio). — S-ro Artur Andersson, Öja, PI, L (kun ĉiulandaj samideanoj).

**Varsovio** (Polio). — S-ro Adolfo Oberrotman, Krak. Przedmiescie 10 (kun neeŭropanoj pri ĉiuj temoj, interŝanĝas gazetojn kaj sendas al ĉiuj siaj antaŭmilitaj korespondantoj koran saluton).

**Vucht** (Nederlando). — F-ino Jos. Smulders, Kloosterstraat, PI, PM (kun ĉiuj landoj).

**Zürich** (Svisio). — S-ro Otto Mötteli, Bachtobelstr. 23, PI, bfl (kun eksterlandanoj), L (pri astrologio kaj okultismo kun ĉiuj landoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

Tarifo: Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.40. Por tri enpresoj rabato da 10 %. Por dek-du enpresoj 25 %. Antaŭa pago.

**Al ĉiuj miaj gekorespondantoj** mi sciigas, ke mi denove volas korespondi. Korajn pacajn salutojn de Benito Ulm, Wien XV, Pelzgasse 15.

**Diskoj.** — Francajn kaj Anglajn diskojn ĉefe recitaĵojn kaj humoraĵojn k. s. kun skriba traduko aĉetas por ĉiu prezo. Proponojn al: Esperantista Klubo, Kladno 983 (Bohemio).

**Doktoro Zamenhof.** — Memoraĵo pri la funebra ceremonio de D-ro Zamenhof en formo de poŝtkarto. Filmo kun 10 bildoj kun poŝtelspezoj 5 M. Oni sin turnu al A. Oberrotman, Krak. Przedm. 10, Warszawa (Polio).

**Esperanto-ekspozicio.** — Esp. Grupo „Antaŭen“, 2049, San Martin, Talleres F. C. S. (Argentino), informas, ke la 6 septembro 1919 malfermiĝos Esp. Ekspozicio kiel memorigo al datreveno de la fondiĝo de la grupo. Oni akceptas librojn, poŝtkartojn, propagandilojn kaj ĉiuspecajn Esperantaĵojn. Ĉiu sendinto ricevas respondon.

**Informa entrepreno Ĉeĥoslovaka** serĉas en ĉiuj landoj seriozajn korespondantojn, ĵurnalistajn kaj komercajn. Skribu al Rud. Hromada, Praha VII, Sochařská 333.

**Internacia Banko de Diskonto kaj Informservo** fondota serĉas en ĉiuj urboj kaj landoj seriozajn kapitalistojn. N. F. Nicolaew, Case 689, Bourg de Four, Genève (Svisio).

**Kunveno.** — La klubo Esp. de Malmö (Svedio) invitas interligo kun „Skåuska mässan“ fremdlandajn samideanojn al kunveno, dimanĉon 6 julio 1919. Anoncu vin al la sekr. John Petersson, Agnesgat. 1, Malmö. (Kolektejo: Propaganda Ekspozicio, part. XII, dimanĉe 6 julio, je 10 h.)

**Komercistoj kaj industriistoj!** — Ĉu vi volas vendi viajn komercaĵojn kaj industriaĵojn? Skribu al S-ro F. Serrano Olmo, 40, G. de los Rios, Córdoba (Hispanio), komisiisto, kiu havas seriozan kaj gravan klientaron.

**Komercrilatoj.** — Oni deziras transdoni la reprezentadon de brodaĵoj de St. Gallen (brodítaj sur tolo, kotono kaj silko), delikate laboritaj tolaĵoj kaj subtilaj, elegantaj salongarnaĵoj. Pagokapablaj reprezentantoj kaj aĉetantoj sin turnu al S-ro Julius Hefti, Heiligkreuzstr. 59, St. Gallen (Svisio).

**Laboristoj.** — Ĉiuj laboristaj grupoj en diversaj landoj, kiuj interesiĝas pri Ĉeĥoslovakio, kaj volas havi kontakton kun siaj diversmetiaj gekamaradoj (ekz. kompostistoj, komizoj, fotoamatoroj, fervojistoj, turistoj, studentoj k. t. p.) estas petataj skribi legeble al Prez. de Lab. Asocio, Josef Pech, Houšková 4, Plzeň (Bohemio), kiu ĉion tuj prizorgos.

**Maŝina kaj elektra inĝeniero** deziras interŝanĝi kun eksterlandanoj teknikajn tradukojn diversajn. G. Mansfeld, Wilhelmstr. 4, Merseburg, Saale (Germanio).

**Militmono.** — Mi deziras akiri ĉiuspecajn militmonerojn, paperbiletojn de malgrandaj valoroj: ekzemple Germana „Kriegsnotgeld“, komunumaj biletoj de Nord-Francio, paperbiletoj de militkaptitejoj, Rusaj papermoneroj, k. a. Eventuale interŝanĝas kontraŭ militpoŝtmarkoj. Proponojn oni sendu al Hans Jakob, C. O. de UEA, Museumsstrasse 14, Bern.

**Poŝtkartan ekspozicion** aranĝas je la 29 junio 1919 la Esp. grupo Offenbach a. Main. Ĉiuj samideanoj estas petataj skribi kaj sendi PI al la prez., S-ro Karl Gumbinger, Gr. Hasenbachstr. 25 p., Offenbach a. Main (Germanio). Ĉiuj sendoj estos respondataj.

**Samideanoj en Usono, helpu!** — La patrino de S-ino Hammer, pastredzino, naskita Wolf, petas informojn pri ŝi. Ŝi loĝis en 1916 en Millard, Nebraska. Sendu informojn al la C. O. de UEA en Bern.

**Vizitkartoj Esperantaj** kun verda stelo. Ili ankaŭ estas mendeblaj kun miniaturfotografaĵoj laŭ alsendota originalportreto. Prezo: sen fotografaĵo po 5 Skand. kronoj por 100 ekz.; kun fotografaĵo 9 kr. por 100, plie 15 % por afranko. Kovertoj kaj leterpapero kun verda stelo kaj nomo 5, 6, 7, 8 kr. por 100 kaj aliaj Esperantaĵoj estas mendeblaj ĉe Bernh. Eriksson, 16, Trotsgatan, Falun (Svedio).

**Skoltoj.** — Ni alvokas al ĉiuj skoltoj aliĝi al la Skolta Esperantista Ligo. Petu nian broŝuron „Propono pri Skolta Esperantista Ligo" de *Avoto*, prezo 4 pencoj afrankite. Havebla ĉe la provizora sekretario de S. E. L., 40, Oaklands Road, Bexleyheat, Kent (Anglio).

**Toussaint-Langenscheidt,** instrumetodo por Angla, Franca aŭ Itala lingvoj, eble ankaŭ de Poehlmann, plie verkoj de klasikuloj Anglaj kaj Francaj, je modera prezo kaj pagfaciligoj deziras akiri: S-ro A. Jüngling, Schäffnerstr. 11 b, I., Regensburg (Bavario, Germanio).



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO